# juna amiko

DECEMBRO 2011

N-ro 3/2011 (132)

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE ILEI POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ



## *Finnaj koboldetoj*

## Bon-humoran vesperon de Silvestro kaj sukcesplenan novan jaron 2012

# EKSKURSO POR DONACOJ



Paŝas Panjo kaj filino
Laŭ la padoj, tra la stratoj
Gape al butik-vitrino
Donaco-serĉe por gefratoj.



Vespera lumo ekmalhelas
Sed festo-faraj lampoj
Kiel diamantoj belas
Super neĝkovritaj kampoj.



Sur aleoj, trans la placoj
Plen-vestitaj dika-palte
Esplorante je donacoj
Par' plupaŝas ne senhalte.

Sub afiŝoj neon-gasaj
Iras ili varma-gante
La tumultaj homamasoj
Tra la neĝo navigante.



Sekvos pri varar' inspektoj
Tra butikoj gaj-promene
Ĝis ludilaj fin-elektoj
Kaj hejmeniro pako-plene.

Kovrila bildo:
Karina MacGill
Poemo: smg





**Vortklarigoj**

*aleo:* larĝa urba strato kun arboj
*pado:* vojeto por piedirantoj
*paŝas:* piede iras
*palto:* varma vestaĵo – mantelo
*ganto:* mano-varmigilo
*vitrino:* montro-fenestro
*inspekti:* rigardi zorge
*gapi:* rigardi grandokule
*navigi:* trovi la vojon

# Adiaŭ, karaj geamikoj !

Rapide pasas la tempo, bedaŭrinde. Kiel junulo, mi iniciatis eldoni periodaĵon por komencantoj, ĉar la revuo *La Juna Vivo*, kiu celis junulojn kaj komencantojn, jam de longa tempo ne plu ekzistis. Kaj tiutempe ĉesis aperi ankaŭ *La Praktiko*, kiu liveris interesajn artikolojn por ekesperantistoj.

Feliĉe, fine de la jaro 1972 eliris la provnumero de *Juna Amiko*, kiu ricevis apogon de la esperantistaro, sekve ĝi povis aperi en la jaro 1973 kaj vivas eĉ hodiaŭ kun aktiva apogo de ILEI. Kaj nun, kiam pro alta aĝo kaj malsano mi transdonas la redaktan laboron al spertaj gekolegoj, mi plenkore deziras al nia periodaĵo renoviĝon kaj pluajn sukcesojn.

Fine, permesu al mi mallonge konfesi, kial mi estas fidela adepto de nia lingvo jam pli ol duonjarcenton. Mi estas profunde konvinkita pri tio, ke Esperanto estas mirinda, pli kaj pli bezonata kreaĵo, portanto de pozitivaj strebadoj de la homaro kaj ĝi tutcerte venkos ne per forto, sed kiel nemalhavebla interligilo de reciproka respekto. Kial mi estas certa pri tio? Pro du kaŭzoj. La unua: el inter ĉirkaŭ ducent artefaritaj lingvoj Esperanto estas la plej logika, kies fundamento estas simpleco kaj internacieco. Pro tiuj kvalitoj laŭ pluraj eksperimentoj ĝi havas la plej grandan propedeŭtikan valoron en fremdlingva instruado.

La dua kaŭzo estas eĉ pli grava. Pro sia neŭtraleco Esperanto estas la sola demokratia solvo, kiu post kelkaj jardekoj espereble forigos el la transnacia komunikado la perforton de la pasintaj jarmiloj, dum kiuj ĉiam servis kiel komunikilo la lingvo(j) de la politike kaj ekonomie plej forta(j) potenco(j).

Fine, mi deziras elkore danki ĉiujn fidelajn kunlaborantojn kaj legantojn el la tuta mondo, kiuj ebligis daŭran ekziston de nia kara revuo, al kiu mi refoje deziras pluajn sukcesojn. Laŭ miaj forto kaj kapablo – se vi bezonas tion –, mi ankoraŭ provos kontribui.

Kun amikaj bondeziroj:

*Geza Kurucz*

# Enhavo – festoj gajaj kaj adiaŭaj


Kovrilo: Finnaj koboldetoj *(Saliko)*
2 Promeno pro la festoj *(bildaro de Karina MacGill)*
3 Ekskurso por donacoj – pribildara poemo *(smg)*
4 Adiaŭaj vortoj de nia kara, mult-jara redaktoro. *(Géza Kurucz)*
6 LUME: Rakonteto el la nova jubilea kurso *(km bildoj, teksto smg)*
8 LUDE: Festotagoj inter la faremuloj; birda bildstrio *(Mónika Molnár)*
12 Pionira lokomotivo – mondo-ŝanĝa 'rakedo' *(smg)*
14 Festa krucvortenigmo – invito al solvado. *(smg)*
16 Konversaciaj temoj – donacoj donitaj kaj ricevitaj *(Judit Felszeghy)*
19 Sudoko por streĉi viajn cerbojn tra la festotagoj *(smg)*
20 Legu kaj ĝuu: novaj libro- kaj lando-prezentoj. *(Małgosia Komarnicka)*
25 LASTE: Revivigo de malnova rubrik. *(smg)*
26 Violulo kaj Blankulo: popolrakonto el latinameriko *(Pitá Morotí)*
28 Vintro kaj festaj ceremonioj *(Małgosia Komarnicka)*
30 Interkultura mondo pri la dana infan-kongreseto *(Elena Nadikoba)*
32 Formika kunlaboro – poemo *(Anja Karkiainen)*
33 Logikaj tasketoj – ekzercoj por viglaj mensoj *(Zoltan Kurucz)*
34 Novjara feliĉo – ironia rakonto *(Otokar Batlička, Dieter Berndt)*
36 Kvalitoj de tabako *(Sirbu Constantiu)*
38 Divenu! *(Paul Bennemann)*
39 Silabenigmo *(Paul Bennemann)*
40 Humuro *(D.Berndt, E.Rajtmár, P.Rak)*
42 El nia literaturo *(Baldur Ragnarsson)*
45 Kanĵi kaj Amane *(Jasuo Hori)*
46 Kvizoludo *(Dieter Berndt)*
47 Pripensu la aferojn! *(Kabe)* Bildo el tio →
49 La plej norda komunumo de EU *(Saliko)*
50 Greziljono *(Bert Schumann)*
51 Malnovaj metioj 6 *(Pavel Rak)*
52 Eta bonkonduto *(Joško Marušić, Marija Belošević)*






*En la nomo de ILEI kaj de la redakcia teamo, ni esprimas tutkorajn dankegojn al la fondinto de nia revuo, kaj ĝia multjara kaj du-foja redaktoro. Ĝia akurata kaj bonkvalita aperigado tra la jaroj rekte ligiĝas al li. Ni deziras al Géza ekde la sekva jaro mult-meritatan ripozon kaj kontenton – ni alte aprezos lian pluan kunlaboron!*

# LUME

LA UNUA MIRINDA ETAĜO

Nia rubriko por etuloj ĉi-foje prezentas bildojn de Karina MacGill, preparitaj por la kurso, kiu festas la 125-jaran jubileon de nia lingvo Esperanto.







**El la bildoj ni kreis rakonton pri festo**

Mi estas studento Mi havas komputilon.

Mia utila komputilo havas klavaron kaj muson.



Mi havas katon, Safiro, kaj hundon, Rufo.




Mi havas belan najbarinon, Sonja.

Post du tagoj, estos ŝia naskiĝtago. Kion mi donu al ŝi?



Fruktojn? Ŝi ŝatas manĝi pomojn kaj ananasojn.

Ĉu mi donacu tropikajn fruktojn?



Ŝi ŝatas bananojn, sed kokosoj estas nur en miaj revoj. Ne en niaj lokaj butikoj.

Ĉu mi donacu libron?



Ŝi ŝatas legi. Sed ŝi havas komputilon; ŝi legas artikolojn kaj librojn tie.

Ĉu mi donacu trajneton?



Mi havas model-trajnon kaj mi tre ŝatas ĝin. Sed Sonja...?

....Mi dubas.

Mi ne donacas mian hundon – nek mian katon. Ĉu mi havas alian beston? Nu, jes!



Mi havas impertinentan muson, kiu ŝtelas mian fromaĝon kaj forkuras.

Malhavinda ... sed malbonvena donaco. Eble komputila muso estas pli bona donaco?




Sed, ŝi jam havas komputilan muson, kaj ŝi ne trinkas kafon.

Venas la fino de la tago: "Morgaŭ mi havos brilan ideon", mi pensas.

Venas la posta tago, sed ne venas brila ideo. Kaj estas dimanĉo, do la butikoj estas fermitaj.

Venas la fino de la tago. "Morgaŭ mi havos brilan ideon", mi pensas.

Mi aktivigas mian vekhorloĝon kaj iras al la lito. Safiro dormas apude.

Mia vekhorloĝo silentas, ĉar ne estas mateno. Sed apude ronkas Safiro. Mia kato valoras ses vekhorloĝojn. La ronkado vekas min. Bedaŭrinde, estas la tria matene.

Jen mia donaca problemo denove. Ĉu mi donacu la katon? Tamen, ne. Mi tro amas ĝin, eĉ se ĝi ronkas.







Mi iras al mia ĝardeno kaj plukas floron. Jen mia donaco!




Mi paŝas al ŝia domo, kaŝas la floron malantaŭ la dorso kaj sonoras.

Kiam ŝi malfermas la pordon, mi malkaŝas la floron kaj donas ĝin al ŝi.




Sonja enlasas min, ni kune manĝas el ŝia naskiĝtaga torto. Sukcesa donaco!

**LUDE**
LA UNIKA DUA ETAĜO

La rubrikon prizorgas:
Mónika Molnár

# Jarfinaj festoj



Kiam proksimiĝas la jarfino, kompreneble proksimiĝas ankaŭ la festoj kaj la ĉirkaŭ-festaj farendaĵoj. Unue ĉiuj kuras por esti pretaj ĝustatempe por la festoj, zorgas pri la domo, pri manĝaĵoj ktp. Oni preparas festajn pladojn por la familio kaj por la gastoj. Poste ĉiuj multe cerbumas, per kio plezurigi tiujn, kiujn oni amas. Kaj fine, kiam ĉio ŝajnas esti en ordo, oni povas ripozeti. Oni povas ripozi aktive, ekzemple per sportoj, per ludoj ekstere, per grandaj promenadoj en la naturo. Aŭ pli trankvile kun libro en la mano, apud kamen-fajro kaj taso da bongusta, fumanta teo, laŭeble kun odoro kaj gusto de cinamo.





Jen ĝuste kion volis fari ankaŭ niaj amikoj, Scivolemulido kaj Ridemulido. Ili estis invititaj - kune kun Kalkulemulido - al Festemulido por amuziĝi kaj kune pasigi la jarfinajn festojn. En la programo estis antaŭvidita la granda Neĝhom-konstrua Konkurso, bongustaj manĝaĵoj faritaj de Festemulino, la patrino de Festemulido, multaj ludoj ĉirkaŭ la bele dekorita kristnaskarbo, kiu eble neniam brilis tiel bele kiel en tiu ĉi jaro. Kompreneble ne mankis sur la listo ankaŭ la reciproka surpriza donac-interŝanĝo inter la amiketoj. Do, ĉio pretis por agrablaj festo-tagoj





en amika rondo. Scivolemulido kaj Ridemulido ekiris al Kalkulemulido por kune iri al Festemulido, sed... Alveninte ĉe Kalkulemulido ili vidis, ke li tute ne pretas por ekiri al la festo.

- Kalkulemulido! Kio okazas al vi? Vi aspektas zorgo-plena! Ĉu ni povus helpi vin?

- Ho, karaj miaj amikoj! Jes! Mi esperas, ke jes! Vi scias, ke mi ĉiam devas kalkuli por farti bone, kaj nun mi ne sukcesis fini tiujn ĉi du enigmojn. Mi estus vere tre dankema, se vi povus helpi min. Sen tio mi ne povas iri al la festo.



Scivolemulido kaj Ridemulido tuj eksidis kaj ekcerbumis pri la enigmoj de Kalkulemulido, sed ŝajnas, ke ili bezonas ankaŭ vian helpon! Ĉu vi povus helpi ilin? Jen la du solvindaj enigmoj:

1) Laŭ la logiko kiun ciferon oni devas meti en la lastan kadron?

| | | |
|---|---|---|
| 4 | 1 | 2 |
| 2 | 6 | 3 |
| 3 | 2 | ? |



2) Forprenu tri alumetojn tiel, ke poste restu nur 3 alumet-kvadratoj. Kiujn tri vi devas forpreni?





Havi malfacilaĵojn ne estas agrable, sed se vi havas amikojn por kunlaboro, nenio estas tro malfacila. (Se ankaŭ vi bezonas la helpon de niaj amikoj, la solvon vi povas trovi sur la 25-a paĝo.)

Fino bona, ĉio bona. Post la granda laboro la tri amikoj ĝoje alvenis al Festemulido kaj ekfestis malfermante siajn donacetojn. Kia ĝojo estis trovi belajn libretojn inter ili! La kvar amikoj kontente eklegis la historion de Noé Ostorero pri la „Birdo". Amuziĝu bone kaj havu ankaŭ vi belajn festojn!


Skribis kaj desegnis: Noé Ostorero
birdo
Saluton! Mi estas Lulu.
Mi estas simpatia.
Mi povas flugi super la folioj, herboj kaj floroj.
Saluton amiko!
Saluton! Ĉu vi volas veni al mia hejmo?
Jes!




**Bonan legadon kaj belan novan jaron al vi ĉiuj!**

# Pionira lokomotivo

La unuaj vapor-lokomotivoj aperis komence de la 19a jarcento en Britio. La plej fama frua lokomotivo estis *Rocket* (Rakedo), konstruita en 1829 de Georgo Stephenson kaj lia filo Roberto. Ili proponis radikale novan maŝinon, kiu estu pli kapabla kaj potenca ol ekzistantaj lokomotivoj. La ĉefa novigo estis la uzo de 25 kupraj tuboj por gvidi la akvon tra la fajro-kesto. Ĝis tiam, lokomotivoj uzis nur unu tubon por tio. La uzo de multaj tuboj permesis la kreon de multe pli da vaporo, pro la pli granda kontakt-areo inter la fajro kaj la tubo-randoj. La tuboj estis kupraj, ĉar tiu metalo tre efike tralasas varmon. Jen la plena procezo en la funkciado de vapora lokomotivo:

**Fajro → kupra tubo → akvo → vaporo → cilindro → rado → ekiro**

La vaporo eniras la cilindron, kie ĝi puŝas piŝton tien kaj reen. Tiu forto transiras per metala stango al la radoj kaj turnas ilin – sekve la lokomotivo iras antaŭen sur la trako, kaj havas eĉ forton tiri vagonojn.




*Rocket* havis kvar radojn kaj nur du el ili prenis forton el la cilindroj. Do, ĝia rado-sistemo estis 0-2-2. Neniuj radoj antaŭe, poste paro da forto-radoj (kun diametro de 1.42 metroj), kaj malantaŭe paro da pli malgrandaj radoj (diametro 0.76 metroj), kiuj ne transmetas forton, sed nur subtenas la pezon de la malantaŭa parto de la lokomotivo. Pli modernaj vaporaj lokomotivoj havas pli da radoj, kaj pli el ili transmetas forton, ekzemple: 4-6-2, 4-8-4, 2-10-0.

La lokomotivo estis konstruita por partopreni en konkurso, kiun ĝi gajnis. En 1830 jam komenciĝis la 'fervoja febro', kun amasa konstruado de fervojaj linioj. Inter Manĉestro kaj Liverpulo linio estis preta, kaj oni devis decidi kiun lokomotivo-tipon elekti por la servo: ĝi devis povi tiri var-trajnojn kaj pasaĝerajn trajnojn. Var-trajnoj devis povi enhavi ĝis tridek vagonoj. *Rocket* klare estis la plej sukcesa propono.

Kiam la linio malfermiĝis en septembro de 1830, ok trajnoj ekiris de Liverpulo. Ĉeestis la ĉef-ministro kaj multaj gravuloj. Unu el ili, alia membro de la parlamento estis poste en la tago mortigita kiam la lokomotivo *Rocket* trafis lin. Oni ne sufiĉe konsciis pri la pezo kaj forto de lokomotivoj, nek ke ili foje povas alproksimiĝi tre senbrue. Krome, oni tiom laboris por krei lokomotivojn, kiuj povas pli rapide iri; oni ne donis multan tempon al la demando kiel rapide haltigi ilin. Bremsoj, fajfiloj kaj signaloj poste ricevis atenton – komence ĉiu pensis nur pri irado.

La lokomotivo laboris plurajn jarojn kaj ricevis multajn modifojn, kaj nun estas videbla en la Scienca Muzeo de Londono. Oni konstruis poste plurajn kopiojn. En 1923 la film-reĝisoro Buster Keaton konstruigis ir-kapablan kopion por uzi en siaj filmoj. Almenaŭ kvar pliaj kopioj estis konstruitaj, la plej konata en 1979, por uzo en 1980 por festi la 150an dat-revenon de la malfermo de la originala linio. La festado okazis en la urbeto Rainhill, kie okazis la konkurso, kiun *Rocket* konvinke gajnis. La verkinto de ĉi tiu



artikolo ĉeestis tiun 150-jaran jubileon, kaj vidis tiun kopion de la 'rakedo' preterpasi komence de grandega lokomotiva kaj trajna parado. La lokomotivo tiris du vagonojn, plenaj je entuziasmaj pasaĝeroj vestitaj laŭ la modo de la frua 19a jarcento. Samstile vestitaj estis la lokomotivestro, karbo-ŝovelisto kaj malnecese granda nombro da 'helpantoj'.

**Vortklarigoj (en la teksta ordo)**

*radikale:* grand-skale, signife
*potenca:* havanta grandan forton
*kupro:* valora bronz-kolora metalo (kemia simbolo: **Cu**) kiu bone tralasas varmon
*procezo:* serio de paŝoj por atingi rezulton
*cilindro:* fermita lad-skatola formo ↗

*piŝto:* stango kun plata cirklo kiu iras tien-reen ene de cilindro
*bremso:* haltigilo de transportilo
*konvinke:* preterdube, sendiskute

Tiu lokomotiva kopio plue ekzistas kaj funkcias, kun hejmbazo en la Nacia Fervoja Muzeo de Britio en Jorko. De tie ĝi foje iras tra la mondo al diversaj paradoj kaj festoj – ĝi unufoje atingis eĉ Aŭstralion! (sed ne per la propra forto).

Jen *Rocket*, vivanta monumento al la komenco de nia industria revolucio, kaj sekve la transformo de nia mondo.

Stefan MacGill

*Ni komencis nian revuon per bildo kaj poemo pri festoj kaj donacoj. Niaj rubrikoj LUME kaj LUDE revenis al tiu temo. Nia konversacia rubriko, kiu sekvas, same esploras la temon. Do, jen, kiel la mielo en sandviĉo, estas ne tro malfacila krucvortenigmo pri la temo. Trovu la solvon dum via ripozado en la festo-tagoj!*

## Horizontale →

1. Ornama lumo ofte uzata en vintra festo, kiam lumo mankas.
6. Frukto kiu aperas en jarfina festo-kanto. (R)
7. Nedifinita persono. Personoj ĝenerale. 'Kiam okazas strat-festo _____ ĝojas.' 'Novjare, kiam sonoras nokto-mezo, _____ ege bruas.'
8. Ornama belkolora ligilo per kiu oni fermas donacan pakaĵon. (R)

11. Bonkoruloj elektas la donacojn por siaj amikoj kaj familianoj (kaj eĉ siaj dorlot-bestoj) kun _____ zorgo.
12. Kongresa Libro (mallonge). Kongresoj okazas en festa tempo.
13. Infanoj ŝatas festojn! Ilia deziro: ili _______ multajn donacojn.
15. Nov-jara festo ________ nur unufoje jare (logike!)
16. La japana vorto por 'Ĝis revido', kiun oni ofte aŭdas tie dum festoj.

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | 1 | 2 | | 3 | 4 | 5 | |
| 6 | | | | 7 | | | |
| 8 | | | 9 | | | | 10 |
| | Fes ta | 11 | | | | 12 | |
| | enig | 13 | | | 14 | | |
| | mo | 15 | | | | | |
| 16 | | | | | | | |

(R) = uzu nur la radikon; ne uzu finaĵon.

**Vertikale ↓**

1. Festo estas la momento en ______ familioj kunvenas.
2. Antaŭ multaj jarfinaj festoj laboristoj iras al _________ kaj hakas arbojn por vendi en la urboj; homoj starigas ilin en siaj hejmoj.
3. Infano ĝuas _________ surprizon. Tiu ŝatas ricevi ion bonan.
4. Jubileoj estas fest_____aj. Oni devas festi ilin!
5. Avo Frosto aŭ Sankta Nikolao gravas. _____ portas la pakaĵojn.
6. Klopodas, strebas. 'Dum festoj, familianoj ________ kunveni.'
9. Persono, kiun oni multe ŝatas kaj volonte dividas aferojn.
10. Aldona, kroma. 'Bona manĝado dum festo estas _______ ĝojo.'
12. En multaj mondpartoj estas _____ sezonoj en la jaro: somero, aŭtuno, vintro kaj printempo.
14. Post M centra, post P grandmasa kaj malfacile levebla, post G nia ĝisnuna, gratulinda kaj dankenda redaktoro.

# JARFINA DONACO AL EKSTERLANDA AMIKO....

## Konversaciaj temoj

help-materialo por ekzamenotoj

Rubrikestro: Judit Felszeghy

### I. La decido

- Mi petas vin sidiĝi apud mi antaŭ la komputilo por elekti donacon por mia eksterlanda amiko!
- Kaj kion vi intencas donaci al li?
- Ĝuste por tio mi deziras vian helpon, mi havas neniun ideon.
- Eble libron, ĉu?
- Ne bona ideo. Li mem povas mendi la plej novajn librojn rekte de libroservo
- Iun memoraĵon eble, pupon en nacia vestaĵo...
- Ĉu vi diras tion serioze? Al viro pupon? Krome, se tian li volis, li povis aĉeti dum sia restado ĉi tie.
- Hm... Eble iun elektronikaĵon, ĉu li ŝatas elektronikajn ludojn?
- Do, ni iru al la paĝo de elektronikaĵoj... vidu, ili estas multaj kaj diversaj... mi eĉ ne scias, por kio ili utilas. Sed vi donis al mi bonan ideon, kial ne elekti iun ludilon por li.
- Rigardu tiujn ludbestojn el felo kaj felpo, ili estas mirinde ĉarmaj!



- Ho, tiu hundido, kiel realeca ĝi estas! Precipe ĝiaj okuloj! Mi volonte havigus ĝin al mia amiko. Li ne povas havi hundon en sia hejmo, ĉar li ne havas sufiĉe da tempo por zorgi pri ĝi.
- Kiel simple estas aĉeti tiel! Mi nur klakas sur la indiko, „en la puŝĉaron", aldonas miajn nomon kaj adreson, kaj post kelke da tagoj alvenos la elektita varo!

## II. La procedo

- Bonan tagon! Mi deziras sendi eksterlanden donacon.
- Bonan tagon. Ĉu ĝi estas enpakita?
- Jes.... Bonvolu kontroli la pakaĵon....
- Mi pesas ĝin, ĝi pezas 530 gramojn. Vi devas ankaŭ ĉirkaŭligi la pakaĵon per ŝnuro.
- Jes, mi tuj faros tion, mi kunportis ŝnuron. Ĝi estas malpeza pakaĵo, ĝi enhavas nur ludhundeton.
- Se vi deziras sendi ĝin kiel pakaĵon, vi devos plenigi ankaŭ dogandeklaron. Bonvolu plenigi ankaŭ tiun ĉi etikedon, kun adresoj de sendinto kaj de ricevonto. Plie la valoron de la varo.
- Ĉu ĝi alvenos nepre antaŭ la fino de decembro? Ĉu eblas sendi ĝin ankaŭ kiel leteron?
- Jes, vi povas sendi ĝin letere, la sendokosto estas nur iomete pli alta.
- Tio estas vere nur malgranda diferenco, mi preferas sendi ĝin kiel registritan leteron.

## III. La rezulto

- Saluton amikino, bonan jarkomencon al vi!
- Saluton kara, same al vi! La festotagoj rapide pasis, ĉu? Kaj nun ni denove estas en la studenthejmo!
- Ĉu vi ricevis multajn belajn donacojn?
- Jes, rigardu: tiujn ĉi puloveron kaj ŝalon kiujn vi vidas sur mi, estis la donacoj de mia fratino.



La gepatroj aĉetis por mi novan ekranon. Kaj librojn, kaj multajn dolĉaĵojn mi ricevis.

– Imagu, mi ricevis de Milla dujaran abonon al Juna Amiko! Tre bonaj glitŝuoj estis donacitaj de la panjo kaj paĉjo. Mia onklino sendis al mi eĉ torton.... Kaj...
– Sed kial estas ĉi tie la ludhundo? Ĉu vi ne sendis ĝin al via eksterlanda amiko?
– Ja mi sendis ĝin! Ĝin li ricevis kaj ege li ĝojis pri la hundeto.
– ..... ?
– Sed... li elektis por mi ĝuste tiun ĉi ludhundeton, ĉar ankaŭ mi ege ŝatas hundojn kaj en la studenthejmo mi ne rajtas kunhavi iun „veran”.

***Taskoj:***

*Kiujn donacoj vi aĉetis (aĉetos) por viaj geamikoj?*

*Rakontu, kion vi aĉetus por 15-jara knabino, por 10-jara knabo, por 68-jara viro, kiu nek fumas, nek trinkas alkoholaĵon, por 40-jara virino, kiu same nek trinkas, nek fumas, kaj ankaŭ rifuzas manĝi dolĉaĵon – se ili ĉiuj estus anoj de via familio.*

*Kion vi ricevis donace lastatempe? Kiu estis via preferata donaco? Rakontu, kio okazis en la supra dialogo, sen uzi cititan dialogon!*

*Skribu (ret)leteron, en kiu vi rakontas, a) kiun vi aĉetis por via amiko, amikino, b) kial ĝuste tion vi elektis, c) kiel vi sendis/transdonis ĝin, ĉ) kion vi ricevis de li/ŝi kaj kiel vi akceptis la donacon!*

**Vortklarigoj:**

*elektronikaĵo*: objekto funkcianta per elektra kurento
*pesi*: mezuri la pezon de objekto, komparante tiun pezon al alia pezo elektita kiel unuo
*felo*: besta haŭto kun haroj
*felpo*: velursimila teksaĵo, kun pli longaj plate kuŝantaj haroj, kiel pluŝo
*klaki* (ĉi tie:) premi la komputilan musbutonon (aŭ klavon)
*ĉaro*: durada veturilo kiun oni puŝas aŭ tiras
*procedo*: intenca agmaniero difinita por atingi iun celon
*varo*: produktaĵo kiun oni vendas kaj aĉetas
*pulovero*: trikita vesto kovranta la torson kaj la brakojn, senfenda, kiun oni surmetas traŝovante la kapon
*torto* : plata, ordinare rondforma kuko sur kiu estas etendita tavolo da kremaĵo aŭ/kaj fruktoj.
*alkoholaĵo*: trinkaĵo enhavanta pli aŭ malpli da alkoholo: biero, brando, vino, ktp.

# Poema sudoko

Jen litera sudoko pri ... iu temo, kiun ni ne malkaŝos! Ni prezentas etan poemon. Legu ĝin kaj imagu kie ni estas kaj kio okazos. Solvu la literan sudokon kaj vi legos en la unua vico la vorton por fini la poemon.

**Brikoj, ŝtonoj kaj tegoloj**
**Amasiĝas sur teren'**
**Vitroj, lampoj kaj ampoloj**
**Alvenas plie, sen reten'.**

**Apenaŭ restas vaka lok'**
**Jen pordo-fram', fenestro-krad'**
**Pli kaj pli altiĝas stok'**
**Nun pretas ni por __________.**

Solvo-vico →

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | |
| | | D | N | U | O | T | | |
| | T | | D | A | K | | O | |
| | S | T | | | | K | D | |
| | K | O | | N | | A | U | |
| | D | U | | | | N | T | |
| | R | | K | S | U | | N | |
| | | S | A | O | T | R | | |
| | | | | | | | | |

Skribu al ni la solvon, kune kun kelkaj frazoj pri via imago pri la rezulto – aŭ desegnu bildon pri la rezulto, kun vortoj kaj sagoj por montri la uzitajn objektojn. Ni lotumos libro-premiojn inter la respondontoj. Sendu al: stefan.macgill@gmail.com.



Policisto haltigas aŭton kaj kontrolas la lampojn. Antaŭaj lampoj – bonaj. Bremso-lampoj – bonaj. Turn-indikilaj lampoj – bonaj, nebonaj, bonaj, nebonaj...



# LEGU kaj ĜUU

LEGU LIBROJN – PREMIOJ – KONKURSOJ

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka
ul.Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin,
Pollando
malgosia.junaamiko@gmail.com



Ĉi jare mi vizitis Kroation, kaj mi volas konigi al vi la specife gravan por Esperanta Movado urbeton Đurđevac. Ĉu vi scias kial ĉi tiu malgranda urbeto estas tiel grava? En Đurđevac troviĝas Dokumenta Esperanta-Centro (DEC)*. Ĝi estas iom nekutima civitana societo, kies plej grava celo estas zorgi pri la arkiva Esperanto-kolekto.

DEC per sia laboro atentigas pri la nepreco de organizita zorgo pri la Esperanta heredaĵo, pri kolektado, riparado, kopiado, konservado, uzado, katalogado ktp. Per tio saviĝis multegaj malnovaj dokumentoj, fotoj, libroj, eĉ tutaj arkivoj de unuopaj malaperintaj Esperanto-societoj, redakcioj de gazetoj, privataj korespondaĵoj, manuskriptoj ... La kreinto de DEC estas Josip Pleadin, kroata aktivulo de la Esperanta Movado, kiu jam kvaran jardekon okupas sin per la malfacila tasko de savado de Esperanta kulturheredaĵo. Li konsilas al ĉiuj esperantistoj diverslande: *Nenion forĵetu! DEC kolektas materialojn pri Esperanto el ĉiuj landoj kaj en ĉiuj lingvoj. Inter malnovaj senvaloraj paperoj mi trovadis enmiksitajn tre rarajn dokumentojn. Pro tio oni devas zorge apartigi valoraĵon disde senvaloraĵo, kaj tion povas fari nur homoj kiuj kapablas konkretan dokumenton loki en konkretan historian kuntekston. Per sendo de viaj superfluaj Esperantaĵoj al ni, donu la ŝancon al tia materialo esti konservita por postaj generacioj anstataŭ fariĝi forĵetinda rubaĵo.*

Konstanta zorgo pri nia kultura heredaĵo estas tre grava. La heredaĵo konfirmas nacian identecon kaj do ankaŭ nian Esperantan identecon. Ĝin formas materia kaj spirita heredaĵoj ne nur de nia epoko, sed antaŭ ĉio de pasintaj generacioj. Estante heredantoj de kulturaj valoroj de antaŭaj generacioj, ni havas la devon prizorgi kaj gardi ilin "kiel pupilon de nia propra okulo". Ni devas promocii kaj estimi eminentajn homojn, kiuj simbolas akiraĵojn de antaŭaj generacioj. Nia devo estas ankaŭ interŝanĝi nian kulturon kun aliaj nacioj, servante tiamaniere al la tuta homaro. Tiu nia "kapitalo" ofte estas nerimarkita kaj difektita, sed ni klopodu rimarki kion ni povas ankoraŭ savi.

**KLUBO de BONA LIBRO**

La Biblioteko de Juna Amiko por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn pri libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekz. toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo, sendu al la supra adreso aldonante la noton: Biblioteko de Juna Amiko. Vi trovos la rekomenditajn proponojn en la paĝaro de la pola sekcio, kiu fondis la premiojn por la konkursoj de la rubriko www.ilei.pl Klaku la butonon Juna Amiko.

**Rekomendo:** Per sia propono al nia *Biblioteko de Juna Amiko* aliĝas el Kroatio Josip Pleadin (ĵurnalisto, eldonisto, plenumredaktoro de *Zagreba Esperantisto*, tradukisto, kreinto de DEC, E-aktivulo kaj poeto). Li rekomendas la libron *Pirgo* – novelo ne nur por la infanoj, verkita de Anđelka Martić.



Kvinjara knabo en la tempo de la dua mondmilito kun siaj gepatroj vivas inter partizanaj batalantoj en kaŝita arbara loko. Dum malamika bombardado, li time kaŝiĝis en la arbaro. Kiam ekregis kvieto, apud li eksusuris arbusto, kaj el ĝi lin rigardis timemaj okuloj de kapreolido, kies gepatroj pereis pro bombotrafo. Kiam la aviadiloj rekomencis ĵeti bombojn, la kapreolido alkuris en la sinon de la knabo, kaj tiel naskiĝis nedisigebla amikeco de la du etuloj en la milito. La amikeco kiu tiel kurioze komenciĝis, fariĝis rakontofadeno de la porinfana romano "La kapreolido Pirgo" de kroata verkistino Anđelka Martić. Kvankam la romano kiel sian fonon havas la militon, ĝi estas tute alia ol samtemaj romanoj de aliaj verkistoj. Ĝi ne priskribas kruelaĵojn de la milito, sed ĉiutagajn travivaĵojn de la du kamaradoj: la knabo kaj lia kapreolido, kiu ricevis la nomon Pirgo. Ĉar la romano en 2011 aperis ankaŭ en la Esperanta eldono, mi rekomendas ĝin al junaj (kaj ne nur junaj!) legantoj. En ĝi oni trovos la universalajn valorojn de amikeco, toleremo, sindediĉo, sinofero ... La rolantoj en ĝi ne estas supernaturaj bravuloj kaj fortuloj, sed simplaj homoj, kies travivaĵojn en la romano oni legas el perspektivo de kvinjara infano. Infanoj estas sinceraj, kaj la romano povas servi kiel spegulo por ĉiuj plenkreskuloj, antaŭ kiu oni demandu sin mem: Kia homo mi estas?

* La adreso de DEC: Dokumenta Esperanto-Centro, p.p. 79, HR-48350 Đurđevac, Kroatio
dec.kroatio@gmail.com
http://www.ipernity.com/home/dokumenta.esperanto.centro

# EKKONU MIAN LANDON PERE DE ĜIA LEGENDO

## KONKURSO ne nur por junaj legantoj

Laste vi vizitis Sudamerikon por ekkoni Brazilon kaj nun mi invitas vin al Mez-Amerikon por ekkoni Kubon. Ĝi estas la patrujo de Jozefo de J. Campos Pacheco (kuba verkisto, E-aktivulo kaj E-instruisto), kiu helpis al mi prepari la hodiaŭan lecionon. Speciale por vi li esperantigis legendojn el la hispana.

Unue tamen konatiĝu kun kelkaj informoj pri Kubo kaj provu trovi ilin sur mapo kaj poste tralegu la legendojn kaj faru konkursajn taskojn.

**Kubo** (Kuba Respubliko) estas arkipelago konsistanta el Kubo (la plej granda insulo de la Antiloj), Isla de la Juventud (Junulara Insulo) kaj aliaj 4.195 insuletoj. Ĝi troviĝas en Kariba Maro, en Mez-Ameriko kaj okupas 110,9 mil km². La klimato de Kubo estas tropika. Varmas tie do la tutan jaron kaj neniam




neĝas nek frostas. Kubo estas dividita je 15 provincoj kaj 169 municipoj. La ĉefurbo de la lando estas Havano, kiu estis fondita en 1519 kaj en 1982 ĝi estis deklarita de UNESKO kiel Kultura Heredaĵo de la Homaro.

La nacia lingvo estas la hispana kaj monunuoj estas kuba peso (CUP) kaj kuba konvertebla peso (CUC).

Kubo estis malkovrita de Kristoforo Kolumbo en 1492 kaj ekde tiam ĝi fariĝis hispana teritorio. La hispana konkero rezultigis pereigon de indiĝena loĝantaro. Tial hispanoj venigis afrikajn sklavojn kaj de 1797 Kubo fariĝis punkto de sklav-komerco. Ekde 1868 komenciĝis militoj por la kuba sendependiĝo kaj nur en 1898 hispanoj estis devigaj por rezigni pri Kubo. En 1902 inaŭguriĝis Kuba Respubliko.

La kulturo kaj kutimoj de tiu lando enhavas diversajn intermiksitajn fontojn. Ili devenas de indiĝenaj Tainoj kaj Cibonenoj, de la periodo de hispana koloniismo, de afrikaj sklavoj, sed ankaŭ parte de najbaraj landoj.
Kubo havas riĉan kaj diversan naturon. La plej grandan parton de la lando okupas ĉefe fruktodona ebenaĵo kie oni produktas sukerkanon, tabakon, rizon kaj legomojn. Oni ĉefe eksportas sukeron, tabakon, kafon, rumon, fruktojn kaj fiŝojn. En sudokcidenta parto de la insulo estas kalkaj montaroj Sierra de los Organos kaj laŭ la suda marbordo estas lokita montarĉeno kun fama Sierra Maestra kaj ĝia la plej alta pinto Turquino, kiu havas 1.974 metrojn.
Kubaj urboj mirigas pro la arkitektura deverseco kaj abundo da konstruaj stiloj (kolonia, antaŭbaroka, baroka, novgotika, novklasika, eklektika, novarta ĝis la movadoj postmoderna kaj moderna) kreante urbojn-muzeojn. Kubo estas ankaŭ belega kaj alloga naturo, suno, marbordo, plaĝoj kaj revigaj marondoj, kiuj kontrastas kun vigla, senbrida muziko kaj intensa aromo de cigaroj. Vizitu Kubon kaj konvinkiĝu kiel bela estas la lando kaj gastemaj ĝiaj homoj.
Esperanto aperis en Kubo en la komenco de la 20-a jarcento. Malgraŭ tio, ke ekde 1959 ĝi disvatiĝis nur en 1979 estis fondita Kuba Esperanto-Asocio (KEA). Iom poste oni eldonis librojn kaj ekfunkciigis la radioelsendejon kaj organizis Universalajn Kongresojn (en 1990 kaj 2010).

[La mapo estis prenita el la pola Vikipedio: http://pl.wikipedia.org/w/index.php?title=Plik:Cuba_CIA_map_PL.png&filetimestamp=20091222105319]

## Du legendoj

Post ekkono de Kubo tralegu nun du belajn legendojn. El ili vi ekscios, ke Kubo estas bonsorta insulo kaj Lago de la Trezoro kaŝas veran trezoron.

### La bonŝanca insulo

Atabekso, la bona diino, volis krei landon, kie ne ekzistas sovaĝaj bestoj, nek serpentoj kaj vulkanoj, por ke la indiĝenoj povu loĝi kaj labori pace kiel bonaj fratoj. Tiel estiĝis Kubo, la bonsorta insulo. En la taina lingvo ĝi nomiĝas Cubao kio signifas *kiel la fruktodona grundo abundas.*

Sed poste Mabujo, la malbona dio, ĵetis kularon sur la teron, por ke ili senkompate piku la homojn. La indiĝenoj iris plendi ĉe Atabekso, kaj tiu avertis la insektojn: *„Mi scias, ke la malbonaĵo estas jam farita. Sed ekde hodiaŭ, kiam vi volos piki iun, vi devas peti permeson. Ĉu vi komprenis?"*

Kaj estis tiel. Pro tio, ekde tiu momento, kiam la kuloj zumas antaŭ ol piki iun, la homo per sia mano povas mortbati ilin.

## Trezoro

Oni rakontas, ke en la loko de Kubo, antaŭ multa tempo, pli malpli kvincent jarojn antaŭe, okazis io aflikta, sed samtempe heroa. Neniam estis pruvita la realeco de tiu rakonto, sed ekde tiam, laŭ la legendo, oni nomas tiun lokon laŭ tiu okazaĵo, kaj ĉiukaze ĝi meritas tiun nomon. Temas pri la tempo, kiam la hispanoj, plenaj de ambicio, konkeris Kubon. Ili serĉis oron en nia lando, kaj por trovi ĝin, ili faris hororajn krimojn kontraŭ la indiĝenoj, kiuj loĝis tie. Kelkaj el tiuj indiĝenoj ribelis kontraŭ la fifaroj de la konkerantoj, sed tiuj per siaj pli bonaj armiloj, mortigis ilin amase. Oni diras, ke iun tagon la indiĝenoj de tiu loko, pretaj kuraĝe agi kontraŭ la kruelegaj konkerantoj, kolektis ĉian oron de la regiono kaj ĵetis ĝin funden de granda lago, kiu troviĝis tie. Tiel, la hispanoj, eĉ post mortigo de ĉiuj indiĝenoj ne trovis la oron. La lago, ekde tiu momento, nomiĝas Lago de la Trezoro.

Tiu lago, la plej granda en Kubo, troviĝas en la duoninsulo Zapato, tre vasta kaj marĉa regiono sude de la provinco Matanso. La regiono estas tre bela kaj varia naturo kun agrabla aromo kaj viglaj koloroj, arbegoj de kariofilo, violkoloraj orĥideoj, floroj de lotuso kaj kelkaj specoj de manglo. En la lago kaj ĝia ĉirkaŭaĵo vivas multaj akvobirdoj kaj en kelkaj lokoj oni povas vidi krokodilojn.

Sed la plej mirinda afero, kiun oni trovas vizitante tiun lagon estas indiĝena vilaĝo kun statuoj de indiĝenoj en naturaj proporcioj, iliaj domoj, iliaj boatoj, fiŝretoj, kiujn ili uzis por fiŝkapti, iliaj laboriloj kaj kelkaj objektoj kiujn ili uzis por defendi sin kontraŭ la konkerantoj, ekz. lignaj lancoj. Kelkaj loĝejoj estis konstruitaj super la akvo, kaj aliaj sur la tero. Tiu vilaĝo nomiĝas Guamá, honore al kuraĝa tribestro, kiu batalis kontraŭ la hispanaj konkerantoj. Ĝi estas turisma centro vizitata por ekscii ion pri la kulturo kaj kutimoj de la unuaj praloĝantoj. Tiu lago estas vere granda trezoro.

La konkursa tasko estas jena: Skribu la nomojn de ĉiuj apudaj landoj de Kubo kaj kreu demandojn pri la legendoj. La konkursan taskon bonvolu sendi kun via nomo kaj adreso ĝis la 25a de februaro 2012 kun indiko 'Konkurso – legendo'.



# LASTE

LA ABSOLUTE SPEKTAKLA TRIA ETAĜO



***Rubrikestro: Stefan MacGill***

Ni revivigas la rubrikon 'Laste'! De la komenco la plano estis prezenti tri nivelojn, por tri etaj aĝoj. Fakte, nur LUME (por 6-8-jaruloj) kaj LUDE (por 9-13-jaruloj) regule aperis. La tria nivelo, LASTE, aperis nur kelkfoje, eble ĉar ĝi ne celas homojn kun eta aĝo. Ĝia celgrupo (14-20-jaruloj) estas jam inter la alt-lernejanoj aŭ studentoj en universitatoj. Kompreneble, homoj de ajna aĝo rajtas legi ĝin, kajespereble trovos ion instigan kaj ĝueblan.

Vi povus imagi, ke la nova rubrika gvidanto deziras kolekti rubrikojn. Li prizorgis ĝis nun la rubrikon por etuloj – LUME. Sed ILEI, kiu eldonas la revuon, delonge serĉas novan prizorganton por tiu rubriko. Tuj je ties trovo, Stefano transiros al la nova rubriko – li ne plu havas filinon kun tia eta aĝo, kaj post kvin jaroj, jam elĉerpis siajn unua-etaĝajn ideojn. Kontraŭe, li havas du filinojn en konvena aĝo por LASTE, kiuj regule donas ideojn... kaj desegnaĵojn.

Do, skribu al ni, kion vi ŝatus vidi en la nova rubriko. Alie, vi ricevos tion, kion Stefano opinias konvena por via legado!

Diru ĉu 👍 ŜATAS aŭ 👎 MALŜATAS pri ekzemple la sekvaj:

Kvino-kvizoj, bildstrioj (kiel en 2011/2), artikoloj pri trajnoj (☺ kiel sur p 12), mallongaj rakontoj, sciencaj aŭ populartemaj artikoloj, poemoj, muziko, humuraĵoj, pli da enigmoj, artikoloj pri Esperranto, artikoloj pri la mondo kaj precipe pri foraj regionoj... Skribu al ni, aŭ pli bone, kontribuu ion!

---

Jen la du solvoj por la enigmoj de Kalkulemulo, kiuj aperis sur paĝo 9:

1) Mankas la cifero 4. La kolumnoj (vertikalaj vicoj) devas sumi je 9.

2)





# VIOLULO KAJ BLANKULO

PITÁ MOROTÍ

Tupá* kreis la plantojn kaj la bestojn, sed pasis ankoraŭ multaj monatoj ĝis la apero de la homoj. Kiam Tupá decidis krei ilin, li donacis al ili inteligenton por venki la plej sovaĝajn bestojn kaj por prizorgi la naturon.



La homoj ankoraŭ ne loĝis en ĉiuj regionoj: ekzistis parto de arbaro, kiun ili ne konis. Ijaro**, la estro de la akvo, vizitis sian amikon Tupá kaj kunportis al li teron. Tupá knedis kaj donis al ĝi homajn figurojn kaj per sunradio enspiris vivon al ili. Tiel estiĝis homoj en tiu ĝis nun senhoma regiono.

Estis du fratoj, ambaŭ malhelhaŭtaj, ĉar ili estis faritaj el tero. Tamen unu havis haŭton pli malhelan ol la alia. Pro tio ili ricevis la nomojn Violulo kaj Blankulo.

Farinte la du virojn, Tupá petis Ijaron, ke li faru du fratinojn por donaci ilin al Violulo kaj Blankulo. Ili estu ties kunulinoj kaj nasku al ili gefilojn. Kaj tiel okazis.

La du paroj loĝis feliĉaj en la arbaro. Ili nutris sin per fruktoj, kiuj elkreskis sur la arboj. Ili amis sin reciproke kaj havis filojn ...

"Tupá, nia patro, sendis min teren. Li tre koleras, ĉar vi kverelas inter vi. Fratoj vi estas! Kaj filoj de fratoj vi estas! Neniam devus okazi malamo inter vi.

Tupá sendis min teren, por ke mi kunigu vin denove. Violulo, Blankulo, brakumu unu la alian!" ordonis Ijaro.

Ambaŭ fratoj brakumis sin reciproke antaŭ siaj idaroj, kiuj vidis mirigitaj, kiel la du fratoj perdas sian homan figuron kaj iom post iom fariĝas unu sola korpo, kaj transformiĝas al trunko de arbo, el kiu aperas branĉoj. Kaj el tiuj branĉoj naskiĝas folioj kaj floroj.

Tiuj floroj estis ruĝviolaj kaj poste, antaŭ ol velki kaj fali teren, alprenis helviolan koloron, kaj finfine fariĝis blankaj. Violulo kaj Blankulo donis siajn nomojn al tiuj floroj. Tiel naskiĝis la arbo nomata arbara lilio, naskita el la deziro de Tupá, la kreinto, por ke la homoj vivu en paco.

*Noto: La indiĝenoj de Ameriko konas la arbaran lilion kaj adoras ĝin, ĉar ili konsideras tiun planton simbolo de paco. En printempo, kiam tiu arbusto floras, ĝiaj floroj estas violkoloraj, sed en aŭtuno, antaŭ ol velki, ili prenas blankan koloron.*

* *Tupá* estas la bona dio de la gŭaranianoj.

** En la hispana: I-Yara *[elparolu: Ijara]*

## Ĉu vi aŭdis pri la ĉina urbo Kunming?

Ĉu vi scias, kial ĝi estas speciala por esperantistoj? Serĉu ĝin en via komputilo aŭ en atlaso! Ĝi estas en la suda parto de Ĉinio, apud la landlimo kun Vjetnamio (kie okazos la Universala Kongreso). En julio 2012 okazos en Kunming la 45a Konferenco de ILEI (la ligo kiu eldonas nian revuon).

Do, instruistoj el la tuta mondo venos al tiu loko – kun multaj el Ĉinio, Japanio, Koreio kaj aliaj aziaj landoj . La konferencejo estas univeristato pri arto. Jen ĝi sur la kovrilo de la ĵus aperinta numero de la revuo de ILEI. Ene legeblas skiza programo kaj ĉiaj pliaj informoj.



# VINTRO KAJ FESTAJ CEREMONIOJ

Vintro estas la kvara jarsezono. Sur la norda duonglobo ĝi estas la plej malvarma parto de la jaro kaj enhavas malvarmajn monatojn: decembron, januaron kaj februaron. Sur la suda duonglobo tiuj monatoj estas la plej varmaj. La temperaturo pli kaj pli altiĝas kaj la sukplena verdaĵo disvolviĝas.

Mi loĝas en Pollando, do sur la norda duonglobo, sekve nun mi povas admiri *malvarman* vintron, kiu laŭ mi estas bela kaj ofte aspektas fabelece. Imagu falantajn grandajn neĝerojn, kiuj kovras ĉion per blanka, mola lanugo, neĝkovritajn domojn, brilegantan neĝon en lumo de luno, neĝerojn sur la nazo, gajajn infanojn veturantajn per glitveturiloj aŭ glitiloj, romantikajn sledojn tiratajn de ĉevaloj, ludojn per neĝbuloj aŭ formadon de neĝohomo. Ĉu tiu vintro ne havas vere belan, impresionisman kaj pentrindan vizaĝon?



La vintro estas ankaŭ tempo de festoj, amo kaj ĝojo. La 6-an de decembro en Pollando infanojn vizitas Sankta Nikolao, kiu disdonas al ili donacojn, plej ofte ludilojn kaj dolĉaĵojn. Kristnasko konsistas el tri ĝojaj decembraj tagoj, de la 24-a ĝis la 26-a. Jam de multaj jaroj tiun tempon mi pasigas kune kun la familio en pola montaro. Kristnasko estas kristana festo por soleni la naskiĝon de Jesuo Kristo. La 24-an ni festas Antaŭkristnaskan Vesperon (pole: Wigilia). En tiu tago ni prenas abundan matenmanĝon kaj tre solenan vespermanĝon. Post la matenmanĝo ni kune ornamas kristnaskan arbeton per diverskoloraj globetoj, elektraj kandeloj, girlandoj, anĝelharoj kaj diversaj dekoraciaj figuroj. Ĝi simbolas renoviĝon de la vivo. La vespermanĝo komenciĝas nur tiam, kiam sur la ĉielo aperas la unua stelo, do vespere ĉiuj malpacience serĉas ĝin. Ĉe la abunda kaj bele ornamita tablo ni unue rompas kaj dividas kun niaj proksimuloj oblaton. Ĝi simbolas unuiĝon kun Dio, familio kaj geamikoj. Poste ni manĝas dekdu senviandajn manĝaĵojn. Oni devas nepre provi ĉiun manĝaĵon por ke nenio manku dum la tuta jaro. Sub la tablotukon oni metas pajlon, kiu rememorigas pri la naskiĝo de Jesuo. Sur la tablo troviĝas ankaŭ malplena telero por neatendita gasto. Post la vespermanĝo ni kantas pastoralojn kaj interŝanĝas donacojn. Je noktomezo estas celebrata en ĉiuj preĝejoj Sankta Meso la Paŝtista (pole: Pasterka) omaĝe al la novnaskita Sankta Bebo. En preĝejoj estas aranĝitaj kristnaskaj kripoj kun figuroj de la Sankta Familio, anĝeloj, reĝoj, paŝtistoj kaj bestoj. En Brazilo ĉi tiu meso nomiĝas Meso de la Koko,

ĉar laŭ antikva tradicio la koko kriis kiam Jesuo naskiĝis. En Pollando la unua tago de Kristnasko estas dediĉita al la familio kaj dum la dua vespero domojn vizitas grupoj de kantikantoj (pole: kolędnicy). Ili estas alivestitaj je bestaj aŭ komikaj figuroj. Ili kantas pastoralojn kaj petas monon kaj bonan manĝaĵon. Neniu rifuzas ilian peton, ĉar de la abunda almozo dependas feliĉo dum la tuta jaro.

Lastan tagon de la jaro, la 31-an de decembro ni festas Silvestron. Estas balo, dum kiu ni salutas Novan Jaron per ĉampano. En novjaro estas ĝojige ricevi la unuajn bondezirojn de viro, ĉar tio donas feliĉon kaj prosperon dum la tuta nova jaro. En Brazilo oni ankaŭ bruege festas Silvestron kaj tradicie organizas Silvestran Vetkuradon en la urbo San Paŭlo. Poste, post la 6-a de Januaro (la Festo de Tri Reĝoj) en Pollando komenciĝas karnavalo, la tempo de baloj kaj aliaj amuzoj. Ĝi daŭras ĝis la Granda fasto antaŭ Pasko.

En Francio la 6-an de januaro okazas Epifanio. Nur en tiu tago je tiu okazo, ĉie en Francio oni manĝas specialan, bongustan kukon. Ĝi ne estas la sama en ĉiuj francaj regionoj. Norde ĝi estas speco de torto el foliigita pasto, ŝtopita per marcipano kaj sude ĝi estas speco de brioĉo, en formo de krono kun konfitaj fruktoj. En ambaŭ kukojn oni enmetas fabon. Iam estis vera fabo, sed nun estas peco de ceramikaĵo. Ĉiu, kiu trovas la fabon en sia kukopeco estos la reĝo (aŭ la reĝino) de la tago kaj metas kronon sur sian kapon.

Festoj estas la tempo de amo kaj bonhumoro. Neniu forgesu, ke apud ni estas homoj solaj aŭ malriĉaj, kies festoj certe ne diferencas de aliaj tagoj. Ni rigardu ĉirkaŭe, eble dank' al ni iu sentos sin bezonata kaj amata. Ni memoru ankaŭ pri festaj ceremonioj kaj kutimoj, kiuj ja estas atesto de niaj radikoj, familiaj interligoj, ligo inter la pasinteco kaj la nuntempo. Dank' al ili kulturo de ĉiu lando ĉiam havas esceptan, apartan kaj neripeteblan etoson, kiun ni savu el forgeso.

*Belajn donacojn de Sankta Nikolao, magian Antaŭkristnaskan Vesperon, ĉarmajn momentojn dum Kristnasko kaj prosperon en la Nova Jaro 2012 deziras al vi, kaj atendas viajn priskribojn de festaj kutimoj de via lando*

*Małgosia Komarnicka*

(Mia ret- kaj poŝtadreso troviĝas ĉe la rubriko *Legu kaj Ĝuu*)

[Mi tre dankas al miaj amikinoj pro la helpo: al *Emmanuelle Richard* el Francio kaj *Marly Freitas* el Brazilo.]

*almozo:* favorkora donaco plej ofte mona / *anĝelo:* spirita estaĵo, meza inter Dio kaj homo / *antikva:* pratempa / *bebo:* tre juna infano / *celebri:* publike plenumi religian ceremonion / *ceramikaĵo:* bakita argilaĵo / *ceremonio:* ekstera formo de solenaĵo / *ĉampano:* ŝaŭmvino / *dekoracii:* bele ornami lokon / *girlando:* *impresionismo:* art-metodo / *kantiko:* liturgia himno en etna lingvo / *komika:* ridiga, amuza / *kripo:* manĝujo por ĉevaloj, bovoj, en kiu naskiĝis Jesuo / *lanugo:* tre delikata, malpeza plumaro, kiu kovras la ventron de birdoj / *meso:* di-servo katolika / *oblato:* maldika disketo el pan-pasto / *pajlo:* aro da sekigitaj tigoj de panherboj / *pastoralo:* artverko pri paŝtistoj / *paŝti:* konduki brutojn al kampo por ke ili manĝu tie herbojn / *romantika:* rilata al sentoj kaj fantazio / *sledo:* glit-veturilo

# InterKultura Mondo

www.interkulturo.net
Rubrikestro: *Elena Nadikova*, Rusio
lena_espero@mail.ru

Saluton, karaj legantoj! Komenciĝis aŭtuno, kaj tio signifas, ke alvenis tempo por rakonti pri someraj vojaĝoj, aranĝoj, aventuroj. *Interkultura mondo* invitas vin al la ĉi-jara IIK – Internacia Infana Kongreseto, la plej grava aranĝo por junaj esperantistoj. Ĝi okazis en Danio, en la urbo Hundested, de la 23-a ĝis la 30-a de julio.



Danion rajte eblas nomi fabela lando. Ĉi tie kvazaŭ ĝis nun vagadas la spirito de la granda fabelisto Hans Christian Andersen. La tutmonde konata Marvirineto afable ridetas al la gastoj de Kopenhago, sovaĝaj cignoj salutante krias en la ĉielo. Kaj sub arbo ie kaŝas sin malgrandaj hometoj aŭ gaje klopodas knabineto stature je unu colo. Ĉio magias en Danio. Eblas diri, ke romantiko akompanis la kongreseton dekomence. Dum la unua vespero IIK-anoj promenis en Kopenhago sub varma pluveto, solvante demandaron por konatiĝi unuj kun la aliaj. Poste ilin renkontis bela parko kun alloga domo, kie ili unu-anime loĝis 7 tagojn. Eĉ la temo por la Kongreseto estis romantika – "Vikingoj". Skandinavio estas la patrolando de tiuj rigoraj, virecaj marvojaĝantoj, kiuj kuraĝe veturis por esplori novajn mondpartojn. La tuta programo de IIK estis plena de la "spirito" de vikingoj. Kiom da interesaj ludoj kun ekscitaj nomoj spertis IIK-anoj! Kaosludo, luphomoj, seĝodanco... Kiom kostis, ekzemple, diveni, kiel kaj kial malaperis la kapitano! Dum la tuta vespero la infanoj klopodis solvi la enigmon per parolado kun diversaj personoj, kiuj povis malkaŝi parton de la historio. Okazis vera malfacila logika tasko. Tiun vesperon oni eĉ nomis "Enigma vespero".

Por loĝejo, kiel decas al veraj vikingoj, la kongresejo situis apud la marbordo. IIK-anoj multe baniĝis, ludis, kolektis belajn konkojn. Unuafoje la baniĝo okazis nokte – kompreneble kun la gvidantoj. Vera aventuro, ĉu? IIK-anoj lernis konstrui ankaŭ vikingajn drakŝipojn, kiuj poste partoprenis en la granda ŝipbatalo inter du teamoj. Venkis, certe, amikeco, kiel ĉiam.

La junaj "vikingoj" faris ankaŭ seriozajn esplorojn. Ili konatiĝis kun la historio de Internaciaj Infanaj Kongresetoj; vizitis ekologian vilaĝon Dyssekilde;

partoprenis en la debatoj pri "ĉu dinastio utilas en Danio" kaj "ĉu sociaj medioj devus esti lernofako en mezlernejo". IIK-anoj solvis ankaŭ diversajn krucvortenigmojn, konkuris en interesaj kvizoj. Multaj preparis belegajn prezentojn pri siaj landoj, danke al kiuj junaj vikingoj povis konatiĝi kun novaj lokoj de la Terglobo.

Dum la tuta semajno IIK-anoj lernis diversajn manlaborojn: Bliss (bildskribo), kroĉetadon kun Mimi, kreadon de belaj kolieroj el konkoj (ja vikingoj ankaŭ devas esti belaj, ĉu?). La infanoj ĝuis la instruadon de Sammy pri origamio, transformis ŝtonojn en artaĵojn kun Lisa, faris halt-movajn filmojn kun Tina. Pri kio revis junaj esperantistoj, kiam ili pentris sur ŝtonoj? Certe, pri fabelo, pri novaj aventuroj. Ja vivo estus enuiga, se malaperus magio, kvankam farita de ni mem, ĉu?



La lingvo de junaj vikingoj estis, sendube, Esperanto. Ĉiumatene ili diligente ekzercis sin en lingvaj kursoj laŭ tri niveloj. Komencantoj povis sekvi Csehkurson. La infanoj kun baza kono de Esperanto partoprenis lingvajn ludojn. Por tiuj, kiuj sufiĉe bone parolas, estis organizitaj diversaj aktivecoj. Tre interesaj estis, ekzemple, la ludoj "amnezio" kaj "kvarono da simio". La bruo kaj ekscitiĝo de infanoj, kiuj iĝis simio en la lasta ludo, estis tre amuza! Kaj eĉ se iuj komence hontis babili antaŭ publiko, poste ili bone kuraĝiĝis kaj ekparolis. Dankon al la gvidantoj pro tiuj lingvaj sukcesoj de junaj edukatoj!

Ĉiutage IIK-anoj sportumis. Ja vikingoj devas esti fortaj kaj kuraĝaj. Eblis elekti inter futbalo, volanludo, retpilko. En la plaĝo oni iom kurigis la infanojn antaŭ ol naĝi kun "vulpoj, kokinoj kaj serpentoj". Kune kun la gepatroj pasis la ludo "Kruc-flag-ŝtelado". Kune kun kelkaj junuloj el UK (kiuj subite iĝis grandaj infanoj) okazis diversaj cirklaj ludoj: Blinda reĝo, Murdisto, Katoj kaj musoj, franca dancado. Necesas ankaŭ danki al Michaela el Germanio, kiu bone instruis gimnastikon.

Vespere rigoraj "vikingoj" ripozis. Ili akorde kantis karaokee, lernis gitartambur-ludon, gaje dancis en diskoteko. Unu vespero estis dediĉita al Granda kazino kun diversaj amuzaĵoj: ruleto, pokero, ŝtonludo, sagoĵeto. IIK-anoj ne forgesis gratuli al Michaela okaze de ŝia naskiĝtago.

Magia estis la tuttaga ekskurso. Junaj esperantistoj vizitis la faman Sommerland Sjælland, kie ili ĝuis grandan akvoparadizon kun pluraj glitejoj.

Finiĝis la vikinga kampanjo per internacia vespero. Ja ĉiam regas amikeco, ĉu? Dum la vespero IIK-anoj prezentis diversajn kantojn kaj dancojn , muzikis, teatrumis, gimnastikis. Estis bona internacia etoso.

Do, IIK-anoj de 2011 vere malfermis por si novajn konojn, interesojn, ekhavis novajn amikojn. Antaŭ ili – senlimaj vastaĵoj de Esperantujo por novaj aventuroj, novaj amikoj!

*Interkultura Mondo esprimas koran dankon al Matthias Humet kaj Bert Schumann pro la disponigitaj materialoj.*

*amnezio:* malsana forgesemo / *cigno:* granda blanka birdo kun longa kurba kolo / *debati:* oficiale diskuti / *dinastio:* sinsekvo de regnestroj el la sama familio / *disponi:* havi rajton decidi pri iu aŭ io / *ekologio:* scienco pri la rilatoj inter vivuloj kaj la naturo / *etoso:* spirita atmosfero de la medio / *kaoso:* plena senordo / *karaokeo:* kantado laŭ diskomuziko / *kazino:* domo por publikaj kunvenoj / *klopodi:* agadi por atingi, sukcesigi ion / *koliero:* ornama kolĉeno / *konko:* fortika korpotegaĵo de pluraj bestoj, kiel heliko, testudo / *konkuri:* peni superi alian / *origamio:* japana arto de paper-faldado / *plaĝo:* strando, surborda loko por naĝantoj / *rigora:* tre severa / *situi:* troviĝi / *staturo:* alteco de la homa korpo / *teamo:* grupo de ludantoj de unu flanko / *volano:* plumopilketo

***Anja Karkiainen***

## FORMIKA KUNLABORO

Kunlabore agas anoj de la formikaro.
Persisteme ni daŭrigas malgraŭ ajna baro.
Se ni tro laciĝas, dum ni ŝarĝon hejmen trenas
tuje du aŭ tri aŭ pli helpemaj al ni venas.

Du antenojn havas ni por multon pribabili.
Malfacile estus vivi plu se mankus ili.
Ni ne havas dentojn, tamen per makzeloj ŝiras,
Malamikon en batal' ni brave kontraŭiras.

Grandan neston ni konstruas, urbon ĝi kvazaŭas,
tre efike la trafiko oldajn padojn laŭas.
Se al ni aŭ nia nesto iu aĉon faras,
vundojn flegas la aliaj, kaj ni ekriparas.

Logikaj taskoj

## Sinjorino Maria ❶

Ekmuzikas la poŝtelefono de sinjorino Maria.

Ŝi demandas: "Kiu parolas?"

"Ĉu vi ne rekonas mian voĉon? Ja mia patrino estas la bopatrino de via patrino."

*Kiu telefonis al s-ino Maria?*

## Ĝemeloj ❷

Ĝemeloj trovas ĉokoladon en tirkesto kaj ili juste dividas ĝin inter si. Sed unu el la ĝemeloj ricevas neniom.

*Ĉu tio estas ebla?*

## Pomoj ❸

Du patroj kaj du filoj dividas inter si tri pomojn kaj ĉiu el ili ricevas po unu senmankan pomon.

*Kiel tio estas ebla?*

## Naskiĝtago ❹

Antaŭhieraŭ Anna havis 10 jarojn kaj venontjare ŝi aĝos 13 jarojn.

*En kiu tago Anna festas sian naskiĝtagon ?*

## ❺ Kies fotoportreto?

Jozefo rigardas fotoportreton. Petro demandas al li:

"Kies fotoportreton vi rigardas?"

"Fraton mi ne havas, sed la patro de tiu ĉi persono estas la filo de mia patro."

*Kies fotoportreton rigardas Jozefo?*

## ❻ Kiom da pomoj estis sur la arbo?

Mi vidis pomojn sur tiu ĉi arbo. Mi ne prenis pomojn de sur ĝi kaj ne lasis pomojn sur ĝi.

*Kiom da pomoj estis sur ĝi ?*

*Solvoj sur paĝo 50*

de *Zoltán Kurucz* laŭ la libro de *Sándor Róka*

*Otokar Batlička*

# NOVJARA

De tempo al tempo Maria Velenova malfeliĉe rigardis al la horloĝo. Ju pli la montrilo proksimiĝis al la deka, des pli rapide moviĝis ŝiaj fingroj, kiuj tenis la kudrilon. Dume la tuta urbo preparis sin kiel eble plej gaje bonvenigi la novan jaron. Maria sidis sola en la laborejo de sia ĉefo kaj finis sian laboron. Restas nur fari kelkajn kudrerojn ĉe luksa pelt-mantelo por poste porti ĝin al sinjorino, kiu jam senpacience atendas ĝin. Ĵus antaŭ kelkaj minutoj la edzino de fabrik-posedanto telefone demandis, ĉu la mantelo estas preta kaj petis, ke ŝi rapidu veturante per taksio.

Finfine preta! Maria metas la pelton en grandan skatolon, rapide prenas la preparitan fakturon je la sumo de ok mil kronoj, kaj kuras eksteren. Ŝi ĝojas, ke baldaŭ ŝi iros hejmen por almenaŭ esti ankoraŭ duon-horon en la malnova jaro kune kun la patrino kaj frato Jan. Li laboras en presejo, sed antaŭ noktomezo li venos hejmen. La novan jaron ili bonvenigos kune.

Maria liveris la pelton, la sinjorino estis kontenta. „Vi estas tre afabla, ke vi fin-kudris la mantelon. Via ĉefo telefonis, ke vi devos labori ĝis longe en la nokto. Certe mi fuŝis vian silvestran vesperon, sed mi volas rekompenci vin. Estas grave por mi bonvenigi la novan jaron en la nova pelt-mantelo. Estas vanteco, sed ĉiam ĉe Novjaro mi volas havi ion novan."

La sinjorino rigardis la fakturon kaj prenis ok mil kronojn el la skribotablo.

„Kaj jen, kara fraŭlino, io por vi!"

Maria ne kredis al siaj okuloj – tutaj cent kronoj. Ŝi hezitis akcepti la monon.

„Nur prenu, honeste vi perlaboris tion."

Maria rapidas hejmen kaj feliĉo radias el ŝiaj okuloj. Ŝi planas, kion ŝi aĉetos por la panjo, kion por la frato kaj kion por si mem. Per la maldekstra mano ŝi premas al la brusto la mansaketon, en kiu troviĝas ok mil kronoj por la ĉefo kaj ankaŭ ŝia premio – la plej granda, kiun ŝi iam ajn ricevis. Post kvaronhoro ŝi staras en la malgranda antaŭĉambreto de sia loĝejo.

„Panjo, mi devis fini urĝan laboron, tial mi malfruiĝis. – sed la peno valoris, jen rigardu!"

Maria levis la mansaketon kaj haltis la spiro. Ŝia vizaĝo paliĝis; la mansaketo estas malfermita, la koverto kun ok mil kronoj kaj ŝia

# FELIĈO

premio estas for. Maria ŝanceliĝas.

„Panjo, pro Dio, mi perdis ok mil kronojn!" Pli ŝi ne diris. Antaŭ ŝiaj okuloj ekdancis miloj da fajreroj, la perdo de la mono superis ŝiajn fortojn – ŝi svenis.

Ĝis noktomezo restas nur dek kvin minutoj. Post dek kvin minutoj komenciĝos la nova jaro. La stratoj de la urbo estas preskaŭ senhomaj. Nur kelkaj unuopuloj rapidas por ankoraŭ en la malnova jaro atingi la hejmon. Juna viro energie paŝas sur la strato. Subite li haltis, faris kelkaj paŝojn reen kaj klinas sin al la tero. Li surtretis iun pakaĵeton. Kio tio povas esti? Per la maldekstra piedo li leĝere kikis en la paperan rulaĵon. La rulaĵo malfermiĝis kaj sur la vojo kuŝas milvaloraj monbiletoj. La junulo klinas sin kaj kun tremantaj manoj li kolektas la monon. Li rigardas al ĉiuj direktoj – nenie iu! Ok mil kaj unu cent! Li kaŝas la trovitan monon en sia poŝo.

Nenie iu vivulo – ankoraŭ neniam li trovis eĉ nur unu moneron kaj nun – tia feliĉo! Proksimiĝas lia long-jara deziro – motorciklo. Li rapidas al la hejmo. Kelkfoje li pripensadas redoni la monon, sed ok mil kronojn ne portas en sia poŝo iu malriĉulo. La junulo konsideras, ke ankoraŭ neniam dum sia vivo li estis malhonesta. Sed nun temas pri trovaĵo. Sed kio estus, se li mem perdus monon. Li rekonas, ke li estus feliĉa, se iu honesta trovinto redonus ĝin. Kaj denove antaŭ liaj okuloj aperas alloga bildo – motorciklo!

Dum tiuj pripensadoj li atingis la pordon de sia loĝejo. Li malfermas kaj eniras. Antaŭ ol li demetas la mantelon malfermiĝas la pordo kaj en ĝi aperas blankhara virino.

„Panjo, mi kunportas iun manĝaĵon kaj – kio estas, viaj okuloj ja estas plenaj de larmoj, kio okazis?"

Anstataŭ respondi ŝi prenas pinton de sia antaŭtuko kaj premas ĝin al siaj okuloj.

„Kio okazis, panjo? Parolu!"

Anstataŭ respondo la korpremita patrino montras al la malfermita pordo de la ĉambro. Sur la lito kuŝas Maria kun kompreso sur la frunto.

**„Maria perdis ok mil kronojn, kiujn ŝi ricevis pro la liverita pelt-mantelo. Ni estas perditaj, ruinigitaj!"**



La horloĝo komencas bati noktomezon.

Eksaltante la junulo iras al sia mantelo, ŝovas la manon en la poŝon kaj post momento li staras kun levita maldekstra mano en la mezo de la ĉambro.

„Feliĉan novan jaron, panjo kaj fratinjo! Jen estas la mono, mi trovis ĝin en la apuda strato!"

La horloĝo batis la lastan fojon por anonci la novan jaron.

Tradukis: *Dieter Berndt*

*fakturo:* noto pri prezo / *fuŝi:* malbone fari / *kiki:* jeti ion per piedbato / *kompreso:* tol-peco, kion oni metas sur doloran korpo-parton / *leĝera:* farita sen granda peno / *liveri:* alporti al aĉetinto / *pelto:* preparita felo, uzata por vestaĵoj / *ruinita:* perdinta riĉaĵon, havaĵon / *sveni:* perdi konscion, esti kvazaŭ senviva / *ŝanceliĝi:* moviĝi tien kaj reen kun ebleco fali / *taksio:* lu-aŭto / *treti:* forte premi per piedoj / *vanta:* amanta posedi kaj montri valorajn aĵojn.

# KVALITOJ DE TABAKO

La tabakon unua-foje alportis en araban vilaĝon mezaĝa turko. Sur la foirejo li tordis cigaredon kaj komencis logi aĉetontojn.

„Venu kaj provu senpage, bona tabako, ĝi purigas la buŝon kiel la plej bona skrappapero."

La vilaĝanoj ne kuraĝis. Do li allogis plu: „Fumu, super via kapo ĉiam devas troviĝi fumo aŭ tiu de pafila pulvo aŭ tabaka fumo."

La homoj ne fidis liajn vortojn, tamen ili provis. Ili pensis post tusado kaj kraĉado: „Ĉu pagi eĉ monon por sufokiĝi?" La turko do provis uzi aliajn argumentojn kaj kriis: „La fumanto neniam estas mordata de hundoj, la domo de fumanto estas neniam rabita, fumanto neniam maljuniĝos. Mi ĵuras pri tio." Poste la tabako estis sukcese vendata kaj la turko atingis sian monon.

Post unu jaro renkontis unu vilaĝano tiun turkon kaj riproĉis lin, ke li mensogis pri la kvalitoj de tabako. Sed la turko defendis sin: „Kial la hundoj ne mordas fumanton? Ĉar pro fumado li ne plu estas firma sur la piedoj, kutime necesas apogi sin per bastono, kiun la hundoj timas. Kial la domo de fumanto estas neniam rabita? La fumanto tusadas kaj kraĉadas la tutan nokton, la rabistoj ne kuraĝas penetri en lian domon opiniante, ke li ne dormas. Kial fumanto neniam maljuniĝos? Ĉar li ne ĝisvivos la maljunaĝon."



*Laŭ araba rakonto esperantigita de Sirbu Constantiu*




# Ĉu vi volas roli kiel divenisto?

„Gesinjoroj! Vi ĉiuj certe jam vidis kaj aŭdis artistojn, kiuj kapablis diveni ies pensojn. Pri tiaj simplaj aferoj mi ne okupiĝas; sed mi divenos viajn pensojn, antaŭ ol vi mem ilin pensis. Ĉu vi ridetas? Nu, mi pruvos!"

*La pensodivenisto skribas nombron (malpli grandan ol 51) sur paperfolieton kaj faldas ĝin.*

„Mi petas, fraŭlino Gerda, bonvolu meti tiun ĉi papereton en vian belan mansaketon! Dankon! Kaj nun estu afabla skribi nombron inter 50 kaj 100 – ne, mi ne rigardas! Kaj nun adiciu al ĝi *(ĉi tie la divenisto diras nombron, kiu rezultas, se li subtrahas de 99 tiun nombron, kiun komence li notis sur la papereto).*"

„Kaj nun forstreku la maldekstran ciferon kaj adiciu ĝin al la restanta nombro. La rezulton subtrahu de la nombro, kiun komence vi elektis. Ĉu farite? Se jes, bonvolu preni mian papereton el la saketo!"

„Kio estas notita sur ĝi?"

„ 41?"

„Kaj kio rezultis ĉe via kalkulo?"

„41!"

„ Nu, vi vidas, ke mi sciis, antaŭ ol vi elektis."

*Tiu simpla artifiko ĉiam tre efikas.*

***Ekzemplo**: Sur la faldita papereto estas notita: 37; 99 – 37 = 62. **Elektita nombro**: 84. Do: 84 + 62 = 146; el tio 1 forstrekita kaj adiciita al 46 = 47. 84 – 47 = 37... kio troviĝas sur la papereto!*

*Antaŭ ol elpaŝi antaŭ publiko faru kelkajn ekzercojn por havi stabilan sinsekvon de la taskoj.*

# SILAB-ENIGMO

El la subaj 31 silaboj formu 14 vortojn kun la sube indikitaj signifoj. (La nombro de la kvadratetoj montras la nombron de la literoj.) Se la ĝustaj vortoj estas trovitaj, iliaj unuaj kaj triaj literoj, legataj de supre malsupren, donas frazon, kiun la esperantistoj delonge scias.

***ak ang ce da e e eb la le li lo mo mo ni nig no no ol pa po ra sa ska skol to to tra tro va ven vi***



1. *malcerte*
2. *enigi bildon en komputilon*
3. *neakrakolora*
4. *divenendaĵo*
5. *besteto kiu kvakas*
6. *popolo en Britio*
7. *io farita antaŭnelonge*
8. *denove ekhavi*
9. *maljuna*
10. *okazaĵo*
11. *haŭt-purigilo*
12. *surstrata elektra vagonaro*
13. *forte antaŭenigi*
14. *ano de infana mond-organizaĵo*

**La solvon sendu al s-ro Dieter Berndt** *(esperanto-berndt@web.de)*

*Geza Kurucz laŭ la libro de Paul Bennemann „Miru, pensu, ridu!"*

# humuro

de *Dieter Berndt, Elizabeta Rajtmár, Pavel Rak*

„Ĉu estas vero, ke vi diris al Aleksandro, ke mi estas granda stultulo?"
„Jes, sed li tion jam sciis!"



Sur la bordo de lageto fiŝkaptadas patro kun sia filo.
„Paĉjo, kial ne subakviĝas ŝipoj kaj boatoj?"
„Mi ne scias", respondas la patro.
„Paĉjo, kiel la fiŝoj povas spiri en akvo?"
Post kelkaj sekundoj li respondas jene:
„Ankaŭ mi scivolas pri tio."
La filo rigardas al la ĉielo kaj demandas:
„Kial la ĉielo estas blua?"
„Mi ne scias", venas la respondo de la patro.
Tiam la filo pardonpetas:
„Ne koleru, paĉjo, ke mi ĉiam ĝenas vin per demandoj. Mi ne metos pliajn demandojn."
„Malbona decido. Se vi volas esti saĝa, vi devas demandi, kiam vi ne estas certa pri io."




Taksiisto ŝoforis 16 horojn kaj tre laciĝis. Li ekparkis do en la rando de la urbo apud arbaro. Li deziris iom dormi.

Post duonhoro kuretanto frapetis al la fenestreto de la aŭto.

„Pardonu, ĉu vi ne scias, kioma horo estas nun?"

„Duono post la kvara."

Li apenaŭ endormiĝis, alvenis alia kuretanto kun la sama demando. Tio ripetiĝis ankoraŭ kvarfoje.

Tiam la kolera taksiisto metis sur la taksion tabuleton kun jena surskribo: *Mi ne scias, kioma horo estas*. Baldaŭ iu frapetas:

„Sinjoro, estas kvarono post la sepa."




Filino diras al sia patro:

„Mi amas la najbaron kaj forkuros kun li."

„Mi ĝojas, ke vi diras tion al mi, ni ne bezonos vin serĉi per la polico."

„Ne mi diras tion, sed mi legas la vortojn de panjo sur tiu ĉi papereto."

NIA KULTURA HEREDAĴO

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo dank' al la plumo de nia fidela amiko, elstara islanda poeto, Baldur Ragnarsson. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi celkonscia esperantisto, sukcesa pledanto por nia nobla ideo. (Red.)*

BILDOJ EL LA HISTORIO

## 33 *Du magiistoj de la vortoj*

Ĉi-foje mi prezentas al vi du verkistojn, kiuj meritas esti nomataj magiistoj de la vortoj, verkistoj kiuj famiĝis en Esperantujo pro siaj unike esprimriĉaj lingvo kaj stilo: *Jean Ribillard* (1904-1962) kaj *Ivo Rotkvić* (1901-1983). La unua verkis nur originale, la dua ĉefe traduke, ambaŭ verkis nur proze laŭ mia scio.

***Jean Ribillard*** naskiĝis en Tours, Francujo. Li servis dum jaroj en la franca armeo en Nord-Afriko, sed eksiĝis el la armeo post la dua mondmilito kaj revenis al Francujo kaj loĝis en Nice. Tie li lernis Esperanton rapide kaj sukcese kaj komencis verki en la lingvo. Lia unua verko, vojaĝrakonto, titolita *Kvin bildoj*, aperis felietone en *"Heroldo de Esperanto"*. En 1956 aperis ĉe Universala Esperanto-Asocio la broŝuro *Vagado sub palmoj*, deko da vojaĝbildoj el Alĝerio, tiam regata de la francoj. Ĝi tuj vekis atenton pro la kolorriĉa precizo de la stilo. Jen ekzemplo el priskribo de la Sahara dezerto:

*"Matene netaj kaj bluaj estas la ombroj, sed grade laŭ la supreniro de la suno ili malaperas kaj la konturoj de la dunoj stompiĝas. La ondoliniaj pintmontoj kaose svarmas kun rebriloj flavaj, rozaj, ruĝaj. Poste la krestoj glimlumas kaj eligas kvazaŭ blondan fumon. Estas la vento, kiu, senĉesa laboranto, skrapetas la plejaltaĵojn kaj forbalaas la subtilan sablopolvon."*

Ne facila lingvaĵo por komencantoj, sed des pli instiga al progresantoj celantaj plenregon de la lingvo.

Sep jarojn poste, en 1963, unu jaron post lia morto, aperis la dua verko de Ribillard, *Vivo kaj opinioj de majstro M'Saud*, eldonita de Stafeto, la eldonejo de Juan Régulo Pérez. Ĝi estas fakte romano, tamen intime bazita sur la spertoj de la aŭtoro en la Nord-Afrika dezerto. Tie la aŭtoro

parolas en la personeco de azeno. Tiu parolo havas satiran tonon, tamen mildan kaj bonhumoran. La stilo estas flua, neniam rapidanta kaj posedas la saman lirikan karakteron kiel la vojaĝpriskriboj de la antaŭa verko. Matura saĝo karakterizas la viv-observojn de la Majstro N'Saud. Jen unu el liaj satire sagacaj observoj pri la homoj:

*"La plimulto de la homoj forĝemas sian vivon pro deziroj, kiujn ili povas tre malofte kontentigi. Kaj kiam ili okaze sukcesas, ili tuj aspiras alion, konstante avidas kaj baraktas por ĉiam pli posedi, ĉiam pli ĝui. Ili sin pravigas, asertante, ke tiu senĉesa emo al akiro kaj plezuro estas la motoro de la progreso."*

Ribillard vivis kiel fraŭlo kun siaj gepatroj en Nice. Post ilia morto li forlasis Francujon kaj pasigis siajn lastajn jarojn en Tahitio, kie li mortis.

***Ivo Rotkvić***, kroato, lernis Esperanton en 1921, kaj baldaŭ fariĝis tre aktiva en la enlanda Esperanto-movado. Inter la du mondmilitoj li gvidis multajn Esperanto-kursojn kaj estas dirite, ke li eble pli multe ol kiu ajn alia influis la lingvan nivelon de la tiama jugoslavia esperantistaro. Li estis membro de la Akademio de Esperanto kaj dum multaj jaroj estrarano de Jugoslavia Esperanto-Ligo. Li estis fama oratoro, redaktoro de Esperanto-revuoj, kapabla organizanto de Esperanto-aranĝoj – entute movada aktivulo unuaklasa.

Tamen lia reputacio pli intime ligiĝas al lia literatura aktivado. Originale li ja verkis paroladojn, recenzojn, antaŭparolojn – aparte menciinda estas lia eseo "Mesaĝo de nia originala literaturo", kiu aperis fronte de la kolekto "33 rakontoj – la Esperanta novelarto", eldonita de Stafeto en 1964. Sed estis ĉefe liaj tradukoj, precipe la libraj tradukoj *Cezaro* (1934) kaj *Tragedio en la Universo* (1961), kiuj elstarigas lin kiel la plej eltrovema utiliganto de la latentaj kreopovoj de Esperanto. *Cezaro* estas ampleksa romano originale verkita de kroata aŭtoro, *M. Jelušić*. La traduko de Rotkvić signis novan epokon en la lingva evoluo de Esperanto per eksterordinare esprimriĉa lingvaĵo, kie la latentaj povoj de la lingvo estis malkaŝitaj en la servo de belarta stilo. Per tiu traduko Rotkvić gvidis la vojon al

postaj Esperanto-verkistoj al nova kriterio de stilo, kiu estas pure Esperanta kaj ne sklave sekvas nacilingvajn modelojn.

*Tragedio en la Universo* estas originale komuna verko de junaj astronomoj ligitaj al la astronomia Observatorio en Zagreb, dediĉitaj al la afero de monda paco. Sur la frontpaĝo estas informite, ke Ivo Rotkvić esperantigis la verkon el la originala manuskripto. La temo de la verko estas la kosma sorto de nia planedo en okazo de tuteksterma nuklea milito. Per tiu traduko Rotkvić daŭrigas sur la vojo de lingva evoluo surbaze de la latentaj povoj de Esperanto, kiujn li eĉ pli esplore aperigas ol en *Cezaro*. La eldonisto, Régulo-Pérez, nomis la novan tradukon "majesta fieriga atingaĵo" kaj Rotkvić mem konsideris ĝin lingve supera al la traduko de *Cezaro*.

Mi estas tiel bonŝanca posedi la *Tragedion* kun bela aŭtografa dediĉo de Rotkvić mem. La malgranda volumo de nur 84 paĝoj, la paperaj kovriloj estas iom ĉifitaj, sed la teksto daŭre tenas sian elvokan povon de konvinko pri la unikeco de la lingvo Esperanto. Indas montri specimenon, se nur mallongan, pri la lingvaĵo kaj stilo de tiu eksterordinara libro. Pasaĝeroj de kosma ŝipo vizitas la Teron dezertigitan per la homfarita kataklismo de atommilito. Ili eniras suburban lokon:

*"Ili malsupreniras enen. Nuras mallumo, dezertas stratoj, disdisas objektoj. Nenie io vivanta. La alvenintoj ekkuras tra la mallumaĉajn stratojn, febroserĉe malkovrante vicpostvicajn galeriojn. Sed ĉie alteruras la sama sceno. Objektoj renversitaj senorde. Sur tabloj jen eklegita libro, jen gazeto apud brulstumpa kandelo. Evidente la loĝintoj de ĉi tiu urbo forpanikiĝis el la subtera rifuĝejo kun la subito, plane neantaŭvidita. La pasaĝeroj tralaŭas la ĉefstraton. Ĉe la fino alobstrukcas vitra konstruaĵo. Sure literoj: La administrejo."*

La du magiistoj de la vortoj, *Ribillard* kaj *Rotkvić*, kvankam pasis jardekoj post iliaj forpasoj, daŭre tenas siajn meritplenajn poziciojn inter la plej gravaj evoluigintoj de arta Esperanta stilo. Plej bedaŭrinde iliaj verkoj ne plu estas facile haveblaj, sed elektitaj specimenoj nepre meritas esti utiligataj en kursoj de progresantoj.

*Baldur Ragnarsson*

---

# Kanĵi kaj Amane

## Familiaj rakontoj de Hori Jasuo

*En iu urbo de Japanio loĝas du infanoj nomataj Kanĵi kaj Amane. Kanĵi estas 4-jara kaj havas deziron fariĝi direktisto de orkestro. Rigardante orkestron aŭ kantistojn en televido, li ĉiam svingas bastoneton. Amene estas 2-jara kaj ankoraŭ volas mam-suĉi. Ili estas gefiloj de Takeo, ilia patro, kaj Acuko, ilia patrino. En la sama domo loĝas ankaŭ la gepatroj de Acuko. Ilia domo troviĝas apud lageto. La domo estas ĉirkaŭita de kampoj de iliaj geavoj.*

# Ter-vermoj




Estis varmeta mateno. En la ĝardeno Avo komencis transplanti tulipidojn. Amane kaj Kanĵi kun intereso iris eksteren por observi la laboron de Avo.

Avo fosis la teron. Jen aperis fosaĵo, en kiu troviĝis multaj tervermoj. Tiuj surpriziĝis kaj moviĝis serpentume, elfosite el sia trankvila dormo en la tero.

Kanĵi: „Ve! Naŭzige!"

Li jam havis iom da scio, do li timis la mallongajn, molajn, serpentumantajn tervermojn. Sed Amane sentime tuŝis kaj eĉ prenis ilin. Kanĵi kriis: „Amane, ne faru tion!"

Amane ne komprenis, kial ŝia frato diras tion. Ankaŭ Avo neniam diris al ŝi, ke ŝi forĵetu la tervermon. Male, li rigardis ĝin en ŝia mano kaj diris: „Tervermoj estas tre helpemaj al mi. Ili kultivas teron, manĝante legomrubaĵojn forĵetitajn de Avino. Ili faras truetojn en la tero, kaj tio helpas aeron eniri en la teron. Ili fekas kaj tio tiun ĉi terenon, ni nenie povis trovi tervermojn, kaj poste ni forĵetadis legomrubaĵojn en la teron kaj nun estas multe da ili. Dank' al ili la tero estas tre fekunda.

Kanĵi: „He, tervermoj helpis vin! Ili estas viaj amikoj, ĉu ne?"

Avo: „Ili ne estas miaj amikoj, sed kunlaborantoj. Dank' al ili ni havas belajn tulipojn ĉiun printempon."

Kanĵi: „Amane, revenigu ilin en la fosaĵon. Ekstere ili sekiĝos kaj mortos."

Amane: „En la tero vi mamsuĉu de via patrino!"

Avo: „Ili ne mamsuĉas. Ekde naskiĝo ili tuj eklaboras. Same kiel tervermoj, vi, Amane kaj Kanĵi, helpu min transplanti tulipidojn."

Amane kaj Kanĵi: „Jes, jes, kun plezuro. Ni laboros pli multe ol la tervermoj."

*naŭzo:* malbonega sento / *orkestro:* muzikistaro / *surprizi:* neatendite fari / *sterko:* nutraĵo de plantoj / *svingi:* movi ion tien reen

# KVIZO-LUDO

**Prizorganto de la rubriko:** *Dieter Berndt,* **Germanio**

*Karaj kvizemuloj,*

*jen la ĉi-jara dekopo de kvizotaskoj. La fideluloj certe denove partoprenos. Sed estus tre bone, se ni povus bonvenigi novajn partoprenantojn.*

*Deziras al ĉiuj agrablan amuziĝon kaj sukcesajn solvojn via*

*Dieter Berndt*

**N-ro 3** (Limdato: 01-02-2012)

| | |
|---|---|
| 1 | Skribu 10 substantivojn faritajn nur el afiksoj (ekz. *ano*). |
| 2 | Skribu 10 vortojn kun la vort-radiko *lern-* . *(E.E.Popoviciu, RO)* |
| 3 | Aldonu demand-vortojn.<br>*_ vi naskiĝis? / _ vi fartas? / _ da horoj vi atendis? / _ vi parolis kun li?* |
| 4 | Decidu, ĉu *-ig* aŭ *-iĝ* ?<br>*Ven_u vian amikon al mi. Teo estas san_a trinkaĵo. En printempo la arboj verd_as. Mi devas pur_i mian vestaĵon.* |
| 5 | Kion vi scias pri ĉevalo? Skribu kvin frazojn. |
| 6 | Kiujn kolorojn havas la flagoj de Italio, Belgio kaj Bolivio ? |
| 7 | Ŝerca demando: Kial virkoko kokerikas ? |
| 8 | Al kiu el jenaj frazoj apartenas *por, pri, pro* ?<br>*Mi legis _ granda pluvo en najbara lando. Aŭtobusoj ne povis veturi _ granda pluvo. Pluvo estas savo _ la naturo.* |
| 9 | Ĉu vi konas la nomojn de jenaj birdoj ? Oni diras<br>*(a)* ke ĝi metas siajn ovojn en fremdajn nestojn. *(b)* ... ke ĝi estas fiera.<br>*(c)* ... ke ĝi ŝtelas brilantajn objektojn. |
| 10 | Se vi atente legis la ĉi-jarajn numerojn de Juna Amiko, vi certe povas respondi jenajn demandojn: *(a)* La jaro 2011 estas Internacia Jaro de _ . *(b)* Kiu estas Osuno? *(c)* Kie okazos IIK en la venonta jaro? *(ĉ)* Kiu partoprenis en kurad-konkuro? *(d)* La plej grava printempa festo estas _ . |

La solvojn sendu rete aŭ papere al s-ro *Dieter Berndt* ( *esperanto-berndt@web.de* / Berolinastr. 2, DE-10178 Berlin, Germanio ). Se vi havas demandojn, turnu vin al li, kiu volonte informas pri detaloj.

*SOLVO de la antaŭa n-ro (septembro 2011)*

**1**. Estus necese, ke multaj infanoj lernu Esperanton. Ŝi kantis plej bele el ni ĉiuj. La ringo estas farita el oro. **2**. Diversaj. **3**. esperantistojn; Esperantajn; Esperanton; Esperante, esperante **4**. mi, li, vi, ni **5**. Tia, ke oni ĝin ne varmigis, frosta – varmeta / aĉaspekta – beleta. **6**. tre, tro, tre, tro **7**. karpo – kapro **8**. a) jes, b) ne, c) ne, ĉ) jes, d) ne **9**. rano – pano **10**. ĉapoj, bone, aĝa, silenta

## Rezultoj de la kvizo 2/2011

**Ni elkore dankas kaj gratulas ĉiun konkursanton!**

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1. | *Diskutrondo de Saliko* | FI | 20 poentoj |
| 2. | *Maria Molnár* | HU | 19 poentoj |
| 3. | *Jindriška Drahotová* | CZ | 18 poentoj |
| | *E.E. Popoviciu* | RO | 18 poentoj |
| 5. | *Blanka Hužerová* | CZ | 17 poentoj |

# Pripensu la aferojn!

**El la legolibro de *Kabe****

## *EN FREMDA LANDO*

*Vagulo foje vagis en fremda regiono. Estis vintro. Multaj hundoj kuris post li kaj bojis. Li volis levi ŝtonon kaj forpeli la hundojn. Sed la ŝtonoj alfrostiĝis firme al la tero. La vagulo kolere ekkriis:*

*„Kia stranga lando! Ĉi tie oni alligas ŝtonojn kaj hundojn lasas liberaj."*

## MALSATA ARABO

Malsata arabo perdis la vojon en dezerto. Du tagojn li nenion manĝis. Minacis al li la morto pro malsato. Fine li venis al puto. Proksime li ekvidis malgrandan ledan sakon. Li palpis ĝin kaj eksentis malmolajn globetojn en ĝi. „Ho bone, tio estas nuksoj, fine mi manĝos!" Sed kiam li ekrigardis en la sakon, li ekkriis malĝoje: „Ho ve, tio estas nur perloj!"

# DEMOSTENO

Demosteno volis fariĝi bona oratoro. Sed li havis malfortan voĉon, ne sci-povis elparoli *r* kaj havis malbonan kutimon: post ĉiu frazo li levis la ŝultron. Sed li havis fortan volon. Li iradis







al la maro kaj ĉiutage li tie kriis tiel, ke li superkriu la ondojn. Sub la langon li metis ŝtoneton kaj kun ĝi li parolis por bone elparoli r. Super la ŝultron li pendigis glavon kaj kiam li levis la ŝultron, li pikis sin. Tiel li fariĝis la plej bona oratoro el la tuta Grekujo.

**** Kabe** (d-ro Kazimierz Bein), polo. Unu el la plej aktivaj esper-antistoj de la komenca pe-riodo. Li tra-dukis plurajn ĉefverkojn. Poste li forla-sis la mov-adon antaŭ 100 jaroj.*




*boji:* hunde bleki / *Demosteno (384-322 a.Kr.):* elstara oratoro de la antikva Grekujo / *glavo:* hak- kaj pik-batalilo / *nukso:* seka, malmola ŝelo de certaj fruktoj kiel juglando, ekzemple / *oratoro:* elstara publika parolanto / *pelo:* brila, blanka, alt-valora juvelŝtono / *vagi:* sencele iradi

# La plej norda komunumo de la Eŭropa Unio

**UTSJOKI**, en la samea lingvo OHCEJOHKA, estas la plej norda municipo en Finnlando kaj EU. Ĝi situas pli ol 400 km norde de la Arkta Cirklo. La loĝantaro nombras 1298, la areo konsistas el 5370 kvadrataj kilometroj, el kiu pli ol 200 km$^2$ okupas lagoj kaj riveroj. Duono de la loĝantaro parolas en la samea lingvo, duono en la finna, sed ankaŭ la norvega gravas, ĉar en tiu mondoparto ŝtataj limoj ne malhelpas la uzadon de la servoj de apudaj landoj. Multaj finnoj trovas laboron en Norvegio, kun salajro iom pli bona ol en Finnlando, kaj norvegoj ŝatas frekventi finnajn vendejojn pro la prezoj iom pli malaltaj ol en Norvegio.

Utsjoki havas senpagan bazan lernejon, kie studas infanoj en la samea kaj finna lingvoj. En la gimnazio oni povas daŭrigi la studadon en ambaŭ lingvoj. En la konstruaĵo de la lernejo situas infanvartejo, biblioteko kun finnaj kaj sameaj libroj, endoma naĝejo, sporthalo/trejniĝejo por plifortigi siajn muskolojn.. La lernejo havas ĉirkaŭ 70 lernantojn, el kiuj 16 lernas en la gimnazio. En temperaturo pli malalta ol -20 gradoj, la lernantoj rajtas resti enlerneje ankaŭ dum la paŭzoj. En pli varma vetero ili eliras por ludi kaj spiri freŝan aeron en la korto. Nordanoj ŝatas pasigi multan tempon subĉiele.

Dum julio pagantaj lernantoj el suda Finnlando kaj eĉ el eksterlando venas por konatiĝi kaj lerni pri Arkto en tiel nomata somera gimnazio, kie ili povas dediĉi sin al studfakoj: geofiziko, samea kaj norvega lingvoj, samea kulturo kaj muziko, arta slojdo, arktaj naturo kaj vivkondiĉoj. La ĉirkaŭaĵo estas unika: vastaj neloĝataj sovaĝejoj, marĉoj, riveroj, lagoj, montetoj, kie la suno neniam subiras. (Vintre la suno ne leviĝas dum 2,5 monatoj.)

La lernejanoj kaj plenkreskuloj en Utsjoki scias uzi la plej modernajn amaskomunikilojn kaj interreton. Ili scias profiti de sia samea kulturheredaĵo por krei belan muzikon kaj arton. La lerneja stabo faras ĉion por helpi la geknabojn fariĝi sendependaj, memfidaj, elturniĝemaj plenkreskuloj, kiuj komprenas la valoron de sia ĉirkaŭaĵo kaj povas kunlabori unuj kun la aliaj tolereme kaj helpeme. Gimnazianoj povas lui ĉambron en la lernejhejmo, se ilia familia hejmo situas centojn da kilometroj for.Tiam ili ankaŭ profitas el la ŝanco pli bone konatiĝi kun siaj samaĝuloj, kio ne eblus, se ili ĉiam loĝus tre malproksime de la aliaj, nur kun siaj familianoj.

Utsjokianoj distras sin ne nur per migrado, naturekskursoj, konkursoj, fiŝkaptado, ĉasado, skiado, tendumado, glacihokeo, neĝoskulptado sed ankaŭ per kinoarto, muzi-

ko kaj la avantaĝoj de la reto. Ili havas sian propran preĝejon kaj pastoron, kiu servas ilin en ĉiuj lokaj lingvoj kaj ne timas la longajn distancojn. Krome, li kuraĝas ŝerci! Turismo, komerco, slojdo, boacobredado, brutbredado, servado al aliaj homoj en privataj aŭ publikaj entreprenoj helpas eviti senlaborecon. Vidu la retejon *www.utsjoki.fi*, kie daŭre ŝanĝiĝas la neimageblaj laponiaj pejzaĝoj. La retejo legeblas en la lingvoj finna, samea kaj norvega.

*Saliko*

---



***Tri aranĝoj por infanoj en la verda franca kastelo Greziljono en 2012***

Uzebla ligo: *http://gresillon.org/agendo*

27.12.2011–02.01.2012: **Jarfina FESTego kun infana programo**

21–28 aprilo 2012: **FRINGOJ, renkonto por infanaj grupoj akompanataj**

11–20 aŭgusto 2012: **Festa semajno por infanoj, junuloj, FAMILIOJ**

SOLVOJ de logikaj tasketoj (p. 33)

❶ *S-ino Maria parolis kun sia patro.* ❷ *Jes, se temas pri du fratoj el triopaj ĝemeloj.* ❸ *Tiel, ke unu el la patroj estas samtempe ankaŭ filo de la alia patro.* ❹ *La konstato okazis la 1an de januaro. Anna havas sian naskiĝtagon la 31an de decembro.* ❺ *Jozefo rigardas la portreton de sia filo.* ❻ *Du pomoJ. Li prenis unu kaj restis unu.*

**Eldonanto** de JUNA AMIKO: ILEI (jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando). **Redaktoroj**: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fsz.16, HU-6000 Kecskemét, Hungario, *geza@banyai-kkt.sulinet.hu*), *Juliana Vas-Szegedi* (Hungario, *vasszegedi@gmail.com* ), *Stefan MacGill* (Pannónia u.30.I.6, HU-1136 Budapest, Hungario, *stefan. macgill@gmail. com*) **Lingva reviziianto**: *Baldur Ragnarsson* (Islando). **Kunlaborantoj**: *s-ino Saliko, Anja Karkiainen, Vesa Pölkki* (Finnlando), *Elena Nadikova* (Rusio), *Neringa Zasaite* (Litovio), *Jean Monique Noël* (Francio), *Jadranka Mirić* (Serbio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Elizabeta Rajtmár, Zoltán Kurucz, Monika Molnár, Judit Felszeghy, Hajnal kaj Karina MacGill* (Hungario), *Marija Belošević* (Kroatio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Jasuo Hori* (Japanio), *Gian Piero Savio* (Israelo), *Nguyen Thi Ngoc Lan* (Vjetnamio), *Małgosia Komarnicka* (Pollando). **Grafikistoj**: *Pavel Rak* (Ĉeĥio), *Monika Molnár* (Hungario). **Komputila kolora tekniko**: *János Bakk* (Hungario)

Presita en Budapeŝto, Hungario

**Administranto**: *Sebastian Cyprych* <sebacyp@jabster.pl>

**ISSN 0230 1318**

**La sekva numero aperos en aprilo**

# MALNOVAJ METIOJ 6

*Serio de Pavel Rak*

## Ŝnurfaristo



Ŝnurfaristo faris ŝnurojn, ŝnuregojn. Sen liaj produktoj la ŝipoj ne estis tiel belaj kaj rapidaj. Kaj havi etan ŝnuron en la poŝo estis necesaĵo por knaboj.

## Pentristo



Pentisto sciis desegni kaj pentri. Pentri bonan bildon daŭris longe kaj kostis multe, sekve bildoj estis sole por riĉuloj.




La aspekto nenion diras pri bono aŭ malbono, afableco aŭ malafableco, honesteco aŭ malhonesteco. NE PRIRIDU la altajn aŭ malaltajn, dikajn aŭ maldikajn.

*El kroata bildlibro "Eta bonkonduto" (2003)*